# Enhavo

# La unuaj vortoj

***Reza Kheirkhah*** 薛瑞察

Foje iuj demandas min „Kiel vi esperantistiĝis?“ kaj miaj respondoj ne ĉiam estas samaj, kvankam mi fakte diras la veron! Tio signifas, ke diversaj faktoroj rolis en mia esperantistiĝo. Sed laste mi estis pensanta pri unu persono, kiu estis fakte la homo kiu pleje rolis en tiu afero. Temas pri **MHSZ**, kio estas fama UEA-kodo por iranano, kiu estas tre konata ne nur inter esperantistoj de Irano (kiel la pioniro de la movado), sed ankaŭ inter intelektuloj kaj foje eĉ ordinaraj homoj. Li estas konata en Irano kiel **prof. Saheb-Zamani** kaj ankaŭ kiel la homo kiu enkondukis la modernan psikologion en mia lando. Cetere lia elstara verko *La Dua Lingvo* estas la unua grava libro kiu aperis en Irano pri Esperanto, ĝiaj historio, utilo kaj lernado. Antaŭ la revolucio en Irano oni parolis pri Universala Kongreso en Tehrano kaj Victor Sadler komisiite de UEA iris al Irano por intervjui lin kaj interdiskuti pri okazigo de tiu evento. Kaj okazis la revolucio…




Mi lernis de prof. Saheb-Zamani multon ne nur pri Esperanto, sed ankaŭ pri aliaj aferoj gravaj por miaj vivo kaj intelekto. Tial mi dediĉas la unuajn vortojn de tiu ĉi numero al li por esprimi mian dankon; sen li certe mi ne estus ĉi tie en Tajvano kaj mi ne zorgus pri la gazeto nomata Formoza Folio!

# Frandaĵo troviĝas en Tajvano
## 發現台灣美食

***Osioka Moritaka*** 忍岡守隆

忍岡守隆、忍岡妙子伉儷和栗田公明於今年三月來台灣旅遊，並與台灣世界語者交流。

La 15an de marto 2010, ni triope: s-ro Kurita Kimiaki el urbo Miŝima, s-ino Taeko Osioka kaj mi el Hirosima, vizitis Tajvanon por dek tagoj cele al tieaj frandaĵoj.

Ĉe la internacia flughaveno de Tajpeo s-ro Zhong Qiyao (Ĝon Ĉiaŭ) akceptis nin, kaj per sia aŭto portis nin al stacidomo de la fervojo. Post semajno en Tajpeo, en kunsido de Irana Novjaro mi revidis lin flue interpreti parolon de alia junulo el la ĉina al bela Esperanto. S-ro Zhong, iama redaktoro de loka movada gazeto *Tajvana Esperantisto*, estas unu el la kernoj de la movado en Tajvano.

Per la kugla trajno importita el Japanio ni post 90 minutoj atingis finan stacion en la sudo, kie atendis nin samideanoj Reza Kheirkhah, la organizanto de nia vojaĝo, Kevin Shih (estro de granda masaĝejo) kaj Rico Chen, kolego de Kevin.

Ĉirkaŭ tagmezo per du aŭtoj ni veturis al la gepatroj de Kevin en vilaĝo ekster urbego Kaohsiung. Ĉe tipe popolana domo en paca atmosfero de la vilaĝo milde la gepatroj akceptis ses-kapan trupon, regalis nin per deko da pladoj. Ĉio bongustis, aparte plado de fritita fiŝo kun saŭco el sojo, sukero, vinagro kaj pecoj de spicaj ajloj, koriandro, celerio, ktp. Mi ĝissate gustumis frandaĵojn, plene kontentiĝis.

Ekde la finstacio poste al la loĝejo de Reza en Pingtung mi kaj Kevin veturis solaj per lia aŭto por fumantoj, babilis, ŝercis kaj reciproke interpretis kantojn de Teresa Ten, mi el la japana, Kevin el la ĉina. La aŭto kuris kun kanto kaj ridego.

Ĉe la loĝejo de Reza ni ripozis ĝis venis al ni amikinoj Flora Chen kaj Ingrid Chuang por akompani nin al nokta bazaro. Inter centoj da manĝejoj kaj surstrataj budoj svarmis homoj por vespermanĝo. En la zono plene odoras kvin-spicaĵo el fenkolo, cinamo, kariofilo, pulvoro de

sekigitaj ŝelo de oranĝo kaj japana pipro, kaj aliloke odorodora (aŭ malbonodora) tofuo fritata, aŭ celerio aŭ koriandro.

Ĉe unu el la manĝejoj Flora kaj Ingrid mendis pladojn, inter ili tre bongustis al mi ŝafaĵo kun supo longe kuirita kun kvin-spicaĵo, aparte ŝafa medolo kiun oni manĝas per suĉpajlo. Aldone pladoj de konkulo simila al rizkampa heliko, krabo, salikoko, k.a. okupis rondan tablon. Por kompreni alian popolon mi ŝatas manĝi samajn manĝojn surloke kun tieaj popolanoj; per lango mi ekas simpatii ilin.




La sekvantan tagon mi vekiĝis je 05:00 atm kaj atendis tagiĝon, promenadis al matena bazaro kvin minutojn for de la gastejo de Reza, aĉetis tropikajn fruktojn, kaj revenis, preterpasis la gastejon, eniris en unu el popolanaj matenmanĝejoj. Ĉe la manĝejo kun kelkaj tabloj du-tri familianoj servas, kuiras senĉese por plenigi 20-30 skatolojn vicigitajn en unu granda ujo. La klientoj libere prenas el ili al siaj pladoj, fine ricevas tason da kaĉo, kaj servisto rigardante la pladon diras kiom pagi, 50-150 NT (tajvanaj dolaroj), japane 150-400 enojn. Mi ĝuis tie manĝi dum tri tagoj matene dum la gastiganto ankoraŭ dormis.

La popolanoj kuiras legomojn pli multe ol japanoj, ne multe viandon multekostan, sed ekz. tofuon en vianda gusto per diversaj saŭcoj kun legomoj. Nuntempe en Tajvano oni atentas pri sano, dieto, kaj tie dikan homon mi ne vidis.

Matene en la 16a la triopon akompanis s-ro Saburo Lai, instruisto de la japana kaj la angla de tiea kolegio, kaj per lia aŭto post duonhoro ni

atingis Kaohsiung, kie li transdonis nin al Abengo (Cho Chao-ming), prof. de Mara Universitato, por nia turismo en la urbego.

Laŭ lia ĉiĉeronado ni vizitis etan librovendejon, kies olda mastro akceptis nin kaj rakontis pri sia juneco kiel „japana“ mem-eksploda piloto *Kamikaze*. 40 minutojn Taeko aŭs-kultis lin kun larmoj. Pasia prof. Abengo prezentis al ni multajn historiajn lokojn kun riĉaj konoj kaj vortoj en Esperanto.

La 17an ekde mateno Taeko donis lecionon al gelernantoj ĉe kvar klasoj de kurso de la japana lingvo de la Pingrong Supera Mezlernejo, la plej prestiĝa en la sudo de Tajvano kun ĉirkaŭ 3000 gelernantoj, kaj plu ĉe la kurso de Esperanto gvidata de Reza. Li plene ekspluatis la viziton de la trio, kaj ni laciĝis.

**Premio Ossaka al ges-roj Osioka Gratulon!**

La ĉi-jaran prestiĝan Premion Ossaka ricevis ges-roj Osioka (Moritaka kaj Taeko) okaze de la Japana Esperanto-Kongreso en Nagasaki.

La paro dum 10 jaroj kolektas solidarajn mesaĝojn pri virinaj rajtoj kaj abolo de nukleaj armiloj tra la mondo por ekspozicio internacia kiu okazas en ilia urbo Hiroŝimo.

Cetere ili kontribuis al Esperanto-movado kaj Pacmovado, tradukinte la libron *Vojaĝo en Hirosima* en Esperanton kaj dissendante ĝin tra la mondo, kaj akceptinte multajn eksterlandajn esper-antistojn en Hiroŝimo, mem farinte solidarajn, Esperantajn vizitojn al Francio, Tajvano, Koreio ktp., kaj helpinte al okazigo de „Ekspozicio de Atombomboj“ en Slovenio kaj Svislando.

Vespere Kevin invitis nin al sia kliniko ne malproksima de la gastejo, kaj donis al ni masaĝon. Poste li gvidis nin al templo, kie filo de olda mastrino regalis nin per teo el raraj bretfungoj, onidire efika por sano. Pri teo Kevin spertas, kaj de li donacita vulonga teo estas la plej bongusta en mia vivo, mi hejme konstatis post la vojaĝo.

La 18an ni havis ekskurson al la plej suda urbo Kenting (la plej bela kaj popolara marbordo en Tajvano) kune kun Kevin, Flora, Ingrid kaj Dancina; vespere promenadis al nokta bazaro kaj gustumis krabon,

ŝafaĵon, k.a. ĝissate. Reveninte al gastejo mastrata de amiko de Mobo, la edzo de Flora, ni plu manĝis, kaj tranoktis en Kenting.

La 19an vespere post la ekskurso ni kune kun samideanoj vizitis la domon de Flora en banana kampo ekster urbo Pingtung por unu tranokto. La domo nove konstruita havas ĝardenon vastan simila al parko kun dekoj da tropikaj fruktoj. Mobo, eksa ĉefpiloto de la tajvana armeo, kuiris delikatajn frandaĵojn por deko da pladoj el freŝaj legomoj kaj viandoj, ĉio profesinivele, mi konstatis.

Kaj, en la lasta vespero en Pingtung ĉiuj (inkluzive de Simone, Novzelanda Esperantistino, kiu loĝas en tiu urbo) venis al la loĝejo de Reza kunportante sian pladon, gaje ĝuis renkontiĝon en Esperanto, kaj nokte ĝisrevidis. Tute sataj, do, feliĉaj ni enlitiĝis por postaj tagoj en Tajpeo.

Ankaŭ en la nordo de Tajvano mi ĉasis frandaĵojn ĉe popolanaj manĝejoj, sed ne tiom, ĉar en la sudo mi jam plene ĝuis esti inter la geesperantistoj. Hejme mi plu gustumas vulongan teon, donacon de amiko en Tajvano.

## El Ŝanhajo al Tajvano
## 從上海到台灣

***Wang Lihua*** 王麗華

上海世界語協會主席汪敏豪到台灣旅行，並與在地世界語者會談。他同時也贈送好幾本世界語書籍予屏東世界語者。

Ekde la 4-a de majo 2010, s-ro Wang Minhao, prezidanto de la Ŝanhaja Esperanto-Asocio, karavane vizitis Tajvanon dum ok tagoj. Tio estis por li la dua vizito.

Lia unua vizito al Tajvano okazis en la fino de la jaro 1998, kiam li restis dek tagojn por akademiaj interŝanĝoj kun lokaj sciencistoj de diversaj universitatoj. Tiufoje li ne povis renkonti Esperantistojn.

Ĉi-foje li kaptis la ŝancon renkontiĝi kun lokaj Esperantistoj. Antaŭ la vizito, li rete kontaktis Reza Kheirkhah, lian malnovan iranan amikon, kiu vizitis Ŝanhajon dum la 1-a Azia Kongreso de Esperanto en 1996.




Vespere de la 5-a de majo, s-ro Wang Minhao kaj kvar lokaj samideanoj gaje renkontiĝis kaj amike babilis en kafejo proksime de la hotelo, kie tranoktis s-ro Wang Minhao. Ĉeestis Abengo, Dancina, Kevin, kaj irana amiko Reza. Ili ĝoje interparolis Esperante pri la vizito de la gasto el la ĉeftero de Ĉinio al Tajvano, kaj ankaŭ pri diversaj temoj rilataj al la loka Esperanto-movado. Ĉiu montris fortan deziron stabiligi rilatojn inter si per Esperanto.

## Ĉinaj lingvo, ludoj kaj muzeoj

### 華語、遊戲和博物館

***Cesco Reale***

契斯可・瑞亞雷（Cesco Reale），僑居瑞士的意大利人，現任國際世界語協會駐聯合國有關語言權及文化事宜之代表。他分享第一次在台灣旅行的印象。

Flughaveno de Tajpeo. La unua afero kiun mi rimarkas en Tajvano estas hundo kiu kontrolas fruktojn en la pakaĵoj de la alvenintoj. Kiam li trovas ion, policistino gratulas lin per bombonetoj !

Ĉina lingvo. Finfine mi estas en ĉinparolanta lando. Unuafoje. Kaj mi profitas por paroli plejeble. Fine mi estas sufiĉe kontenta: mian nivelon parolan mi taksas A2 (2/6), mi sukcesas komprenigi min; kaj pri la aŭskultado se la alia estas sufiĉe pacienca, ripetas aŭ ŝanĝas vortojn 2-3 fojojn kaj mi kontrolas per demandoj, fine mi ofte komprenas, pli aŭ malpli. Aŭ eble mi nur konvinkiĝas pri tio.

Sciencmuzeoj. Mi profesie organizas eventojn en la Svisa Muzeo de la Ludoj kaj en sciencfestivaloj, do mi certe volis viziti la du sciencmuzeojn de Tajvano. La Kaohsiung-a tute ne plaĉis al mi, sed mi sugestas sendube la scienccentron de la Muzeo de Naturaj Sciencoj en Taichung. Multaj interesaj eksperimentoj pri koloroj, magnetoj, ĥaosaj pendoloj, vidiluzioj, hologramoj, ktp.





Ludoj. Aaah, mi povis ofte ludi ĉinan ŝakon! En Eŭropo oni konsideras min frenezulo se mi proponas ĝin, eĉ al kutimaj ludantoj, eĉ al ŝakludantoj! Mi lernis iom da truketoj, kaj mi vizitis kelkajn tajpeajn klubojn. Unu el ili nomata Venena Teo (毒茶) gastigas multajn ludojn, kiel goo (圍棋), gomokuo (五子棋) kaj aliaj. Kaj mi havis la honoron ludi (kaj malvenki) kontraŭ Ando Meritee, kvarfoje mondĉampiono de gomokuo.

Esperanto. Ne povis manki vizito al la lokaj esperantistoj. Mirejo Grosjean donintis al mi la kontakton de Reza, kiu ĝentile invitis min al la Zamenhofa Tago 2009, okazonta je 2.1.2010! Kurioze, sed bonŝance por mi; sen tiu malfruo mi ne povintus partopreni tiun agrablan posttagmezon.

Mi dankas Rezan pro la organizado, lia gastigemeco kaj afableco.

Ĝis la venonta, Tajvano!

# Kvin neforgeseblaj tagoj en Tajvano
## 在台灣，令人難忘的五天

*Lee Jung-kee* 李 仲琦

李仲琦先生，首爾世界語中心前任亞洲世界語協會主席，教授世界語言已逾200 班次，現亦擔任首爾著名大學的世界語教授。

**Lunde, en la 16-a de aŭgusto 2010**

Je la 21-a horo, mi kaj mia edzino flugis al Kaohsiung (granda urbo en la sudo de Tajvano) per la aerlinio Mandarin por renkonti samideanojn en Tajvano. Post du kaj duona horoj da flugado, nia aviadilo surteriĝis en la flughaveno de Kaohsiung. Jam estis noktmezo! Malgraŭ tio, mia kara amiko Reza, kiu loĝas en pli suda urbo Pingtung kun sia tajvana edzino Gloria kaj unu beleta filino Ailin, atendis nin en la flughaveno. Por ne longe atendigi mian amikon, mi portis mian pakaĵon mane por trapasi rapide la doganejon.

Reza kun rideto bonvenigis nin kune kun Ailin, kiu paroletas Esperante. Post brakuma akcepto, lia aŭto Toyota direktiĝis al la rezervita hotelo Fukuang. La hotelo estis ne granda, sed pura kaj bonordigita je ĉio. Estis tro malfrua horo, tial mi haste liberigis lin promesinte morgaŭan rerenkontiĝon. (Unu nokta hotelkosto estis 1400 tajvanaj dolaroj inkluzive matenmanĝon).

**Marde, en la 17-a de aŭgusto 2010**

Je la sesa horo, ni laŭkutime vekiĝis kaj promenadis ĉirkaŭ la hotelo. Feliĉe, ni trovis belan parkon nomata Jungshan, en kiu jam cento da civitanoj ekzercis sin per gimnastiko, tajĝio kaj simile por zorgi sian sanon. Reveninte al la hotelo, ni matenmanĝis en la hotela restoracio, en kiu ni prenis sandviĉon kaj fruktojn.

Je la 9-a kaj duono, Reza alvenis kun sia aŭto por ekturismigi nin en la indiĝena vilaĝo, kiu troviĝas proksime de Pingtung. Vere, la vilaĝo estas historia heredaĵo de Tajvano. Laste rimarkinte la gravecon de la rara heredaĵo, la tajvana registaro gardas la regionon por venigi turistojn kaj konservi la indiĝenan kulturon.

Bonŝance, ni kaptis la ŝancon spekti la arto-prezentaĵon de la indiĝenoj dum unu horo en la halo, en kiu oni povas akcepti ĉ. 1000 personojn.



Post la amuza turismo, nia aŭto direktiĝis al la kunsidejo restoracio Boromi kie lokaj esperantistoj atendis nin. Ĉeestis Ingrid, kiun mi jam renkontis en la Japana Kongreso en 2008, krome Mirinda kaj Dancina, Kevin kaj Rico, kaj knabino Ailin kun amikino. Post amuza babilado kun samideanoj, mi kaj mia edzino vizitis la masaĝejon de Kevin por ĝui agrablan piedo-masaĝon unuafoje en Tajvano. Tie laboras kelkaj Esperantistoj.

**Merkrede, en la 18-a de aŭgusto 2010**

Matenmanĝinte, kun Reza ni veturis al Kaohsiung por renkonti esperantistinon Jean, kiu estas dezajnisto kaj artisto. Laŭ ŝia konduko, ni vizitis belan lagon, kies nomo estas Naŭkurba Ponto. Plenĝuinte en la lago, ni vizitis la kompanion Honda, kies prezidanto estas ŝia edzo. Li kun milda mieno akceptis nin kaj regalis per bonodora teo. Adiaŭinte lin, ni moviĝis al la loka nokta bazaro por flari la etoson de tajvanaj manĝaĵoj. Espereble, Jean reeklernos Esperanton pli diligente pro hodiaŭa nia renkontiĝo.

Vespere reveninte al Pingtung, ni havis masaĝon ĉe Kevin.

**Ĵaŭde, en la 19-a de aŭgusto 2010**

Hodiaŭ estas planata viziti la urbon Tainan, en kiu loĝas konata filmo-reĝisorino Hsueh Chang-hui. Laŭ la klarigo de Reza, ŝi estas fama reĝisorino ĉefe pro sia dokumenta filmo, kiu partoprenis kelkajn lokajn kaj internaciajn festivalojn. Ŝia filmo E.SHA Epoko estis tradukita ankaŭ en Esperanton. Persone mi esperas, ke ŝi fariĝos bona esperantisto por plifekundigi la Esperanto-kulturon.

Mi donis informon pri la 6-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado, kiu okazos en Koreio de la 9-a ĝis la 12-a de januaro, 2011. Certe la renkontiĝo povos doni novan lerno-motivon de Esperanto al ŝi.

Tagmanĝinte, sub ŝia gvido, ni vizitis plurajn muzeojn: Anping Fortikaĵo, Arbo-domo, Muzeo Konko-ŝelo kaj la parko Konfuceo.

Krome troviĝis pluraj vidindaĵoj en la urbo, sed domaĝe ni devis forlasi la ĉarman urbon Tainan kaj ŝin.

Vespere, mi kaj mia edzino estis invititaj de la familio de Reza al eŭropstila restoracio.

La edzino de Reza, Gloria (multaj en Tajvano havas kutimon havi anglan nomon por faciligi prononcon de ilia nomo por ĉefe eksterlandanoj) estas instruisto pri kosmetikologio en la universitato Meiho. Mi devis esprimi aparte dankon al ŝi pro tio, ke ŝi daŭre subtenas sian edzon, kiu daŭre laboras por la Esperanto-movado.

Vespermanĝinte, mi vizitis la domon de Reza kaj ni havis agrablan tempon rememorante nian long-historian amikecon tra 21 jaroj. Pere de Esperanto, ni renkontiĝis unuafoje en Roterdamo en la jaro 1989, kiam Reza volontulservis ĉe UEA kaj mi survojis al la UK en Brajtono, Britio.

**Vendrede, en la 20-a de aŭgusto 2010**

Hodiaŭ estas la tago de nia reveno al Koreio.

Matene, ni vizitis la supermezlernejon Pingrong, en kiu Reza instruas Esperanton kaj la anglan. Akceptite de viclernejestrino Tsai Ye-ling, ni trarigardis la internon de la lernejo. Esprimite mian dankemon pro ŝia favora sinteno al Esperanto (dum 8 jaroj kurso de Esperanto okazas tie kadre de eksterkursara lecionaro), ni forlasis la lernejon. Survoje al la flughaveno, ni vizitis la kompanion Vivaldi, kiu produktas bonkvalitajn panelojn. La prezidanto de la kompanio s-ro Joe Lee, amiko de Reza, estas tre energia kaj aktiva entreprenisto. Post tagmanĝo, la aŭto de Reza direktiĝis al la flughaveno Kaohsiung.

Kun kontento kaj ĝojpleno mi kaj mia edzino flugis al Koreio. Vere nia kvintaga restado fulme pasis, sed ĝia neforgesebla impreso longe restos en nia koro.

Seula Esperanto-Kulturcentro: www.esperanto.co.kr

# Mia dumonata riĉa restado en Tajvano
## 豐碩的兩個月台灣行

*Anne Vernet*



Anne，法國世界語者，來台灣學習中文兩個月，曾多次到屏東拜訪世界語者以及體驗腳底按摩，也參加了世界語文化節。以下是她分享在台灣的印象。

Dum mia dumonata restado en Tajvano pasintan vintron, mi renkontis Reza kaj geesperantistojn en Pingtung, kaj Reza petis min skribi ion pri tiu restado.

**Kial tiu vojaĝo al Tajvano?**

Antaŭ preskaŭ 12 jaroj, mi komencis hobie lerni la ĉinan lingvon en la popola universitato de Milhuso (Mulhouse) en la Alzaca regiono, kaj partoprenis la kurson dum kelkaj jaroj. Samtempe mi interesiĝis pri la ĉina kulturo. Mi ofte aŭdis pri Tajvano, ĉar la edzo de mia instruistino estas tajvanano.

Lastaŭtune mi decidis iri al Tajvano por studi la ĉinan lingvon dum du monatoj, kun konsento de mia firmao. Mi elektis la universitaton de Tajnano (Tainan).

Tio estis por mi la dua lernosperto en ĉinlingva lando, ĉar en 2004 mi jam restadis tri monatojn en Pekina universitato.

**Ekesperantistiĝo**

En januaro 2009 Esperanta kurso estiĝis en mia vilaĝo, dank' al Bertrand Wick. Mi estis scivolema pri tiu lingvo, kaj tuj preta eklerni ĝin, ĉar mi antaŭ longtempe, dum mia infanaĝo, aŭdis de mia patrino pri la internacia lingvo.

Do mi lastjare malkovris la Zamenhofan lingvon kaj samtempe la Esperantan movadon (mi ekzemple ĉeestis la jubilean UK en Bjalistoko). Post kelkaj monatoj mia Esperanta scipovo jam superis mian ĉinlingvan kapablon.

**Mia alveno**

Mi alvenis al Tajvano la tagon antaŭ Kristnasko. La aviadilo alteriĝis frumatene en Tajpeo, kaj de Tajpeo al Tajnano mi spertis la tajvanan rapidegtrajnon. Mi tuj malkovris mian ĉambron en universitata loĝadejo, kaj vespere mi festis kristnaskon kun alzaca amiko kaj lia tajvana edzino; ili feriis ĉe liaj bogepatroj apud Tajnano, kaj tie ni festis kun bongustega ĉina fonduo.

**Tajnano/Tajvano**

Tajnano kuŝas en la ebenaĵo ĉe la okcidenta marbordo, 300 km sude de Tajpeo. Ĝi estas la 4a urbo de Tajvano, enloĝas preskaŭ 800.000 homoj. Kompare kun mia vilaĝo, ĝi estas tre granda kaj brua urbo; skoteroj multegas. Por transporto mi havis la bonan ideon aĉeti jam uzitan biciklon.

Tajnano estas la antaŭa ĉefurbo kaj nun ankoraŭ en ĝi ege etosas la tradicia tajvana kulturo. Tion atestas la multaj mirindaj buntaj temploj (oni diras 300!).

Mi rapide rimarkis 24-horajn butikojn, kiuj ĉiustratangule troviĝas.

La vetero estis bona, 15° - 20°C, pli bona ol en Francio kiu havis samtempe tre malvarman neĝan veteron. La nokto ĉiam alvenas ĉirkaŭ la 18a. Neniam estas longa hela vespero kiel ĉe ni en somero!

Tajvano estas relative sekura lando; la plej gravaj riskoj estas tertremo kaj tajfuno en somero. Etan tertremon mi eĉ spertis dum mia ĉeesto. Tio ĉiam estas stranga travivaĵo.

## La universitato

Mi aliĝis la vintran dumonatan kurson en la ĉinlingva centro de la universitato de Tajnano.

Tie, mi renkontis gelernantojn pri la ĉina lingvo el la tuta mondo, junaj kaj malpli junaj. Mi tre ŝatis la internacian etoson. Ankaŭ estis kelkaj aliaj studentoj el Francio. La deĵorantoj de la ĉina lingvocentro estis tre afablaj kaj tre helpemaj pri ajna problemo. Feliĉe, ĉar ekzemple kiam mi bezonis konsulti dentiston, mi estis kontenta ke ili rekomendis al mi iun.



Semajne, mi havis 10-horan individuan lingvokurson (du instruistinoj), kaj plie mi devis elekti kvin kromajn kursojn (kaligrafio, gramatiko, konversacio...). Mi devis alkutimiĝi je la tradiciaŭtentikaj ideogramoj, ĉar en Tajvano ili ne estas simpligitaj kiel en Popola Ĉinio. Ne estas facile enkapigi la ideogramskribomanieron!

Unu instruistino ĉiam parolis tre rapide, kaj mi malfacile komprenis; sed la alia parolis malrapide kaj klare, kaj ni vere povis diskuti pri diversaj temoj. Ili preskaŭ neniam parolis la anglan; ili diris ke ili ne bone parolas ĝin.

Mi havis relative multe da hejmtaskoj. Mi ofte laboris en la tre malbrua stud-lernejo, kelkfoje ĝis la fermo je la 11a nokte (ĝi estas la plej granda universitata biblioteko de suda Tajvano).

La parko de la universitato estas tre agrabla, kun mirindaj egaj banjanarboj kaj belaj birdoj kaj sciuroj.

Pri la instrua sistemo: por la plenkreskuloj, kiuj de longe forlasis la lernejon kaj tie lernas hobie, estas pli-malpli facile alkutimiĝi al la notoj, hejmtaskoj, ekzamenoj ktp... La universitato estas ankaŭ tre rigora pri la ĉeesto en la kursoj, ĉar se vi bezonas daŭrigi vian student-vizon (du monatoj baze), vi devas atesti vian partoprenon de almenaŭ 15 horoj semajne.

Male al dum mia sperto en Ĉinio, la tajnanaj studentoj ne tro emas diskuti kun la studentoj el eksterlando. Sed kiam mi estis en Ĉinio, mi estis en lingvo-universitato.

Kompreneble miaj profesoroj aŭdis de mi pri Esperanto. Ŝajnas ke ili por la unua fojo aŭdis pri la zamenhofa internacia lingvo.

**Mia renkonto kun esperantistoj: Tajvana Zamenhof-festo**

Antaŭ mia alveno, mi kompreneble serĉis pri Esperanto en Tajvano kaj trovis la adreson de Reza, en Pingtung. Estis bona surprizo kiam mi vidis sur la mapo ke Pingtung kaj Tajnano ne malproksimas.

Kelkajn tagojn post mia alveno, Reza invitis min por la malfrua tajvana Zamenhofa festo, kiu okazis sabate la 2an de januaro en Pingtung. Mia unua Zamenhof-festo! Li petis min prepari prelegeton. Pri la temo, mi decidis paroli pri Alzaco. Alzaco, la regiono kie mi loĝas, troviĝas en la orienta parto de Francio, apud Germanio kaj Svislando. Mi parolis pri la projekto de alzacaj esperantistoj: prepari turismajn dokumentojn en Esperanto por la esperantoparolantaj turistoj; Abengo (Prof. Cho, el urbo Kaohsiung) tradukis mian prelegon en la ĉinan.

La renkonto estis tre amika kaj tre bone organizita. Estis tre internacia, kun partoprenantoj el Tajvano, Irano, Belgio, Italio, Francio, Usono, Filipinoj kaj Japanio. Oni povis aŭdi Esperanton, la ĉinan, la anglan, la francan..., kaj la lingvoj intermiksiĝis en mia kapo... Estis bona okazo por renkonti novajn amikojn.

**Aliaj spertoj: tajĝiĉuano, piedmasaĝo...**

Ĉiumatene mi partoprenis tajĝiĉuan-kurson en la parko apud mia loĝejo. Mi tre ŝatis la matenan etoson en la parkoj, kun multaj personoj trejnantaj la korpon kaj la „ĉi“ (korpa kaj universa energio). Tio estas por mi vivanta ĉina kulturo, kiu esprimiĝas korpo-moviĝe.



Mi plurfoje ricevis piedmasaĝon; tio povas esti tre doloriga, sed oni diras ke tio tre bonas por la sano kaj la energifluo. Ankaŭ rimarkindas la fakto, ke la masaĝisto povas senti sur la piedoj la korpajn problemojn.

Antaŭ la piedmasaĝo, dum la piedbano, la masaĝisto masaĝas la ŝultrojn kaj la nukon. Mirige, la homo kiu popularigis la piedmasaĝon en Tajvano estas svislanda frato kristana, kiu de longtempe loĝas en Tajvano. Li spertis la malaperon de sia sanproblemo dank' al piedmasaĝo, kaj li estis tiel kontenta, ke li decidis eklerni kaj poste instrui la metodon.

Por mi la pied-masaĝoj estis bonaj okazoj paroli la ĉinan. Mi miris kiam oni demandis al mi pri miaj aĝo kaj geedza stato aŭ pri mia salajro. Ĉe ni oni estas pli diskreta pri tiuj temoj.

Mi ne volis forlasi la insulon sen viziti la Esperantan piedmasaĝcentron en Pingtung, kiun estras Kevin Shih. Ĝi probable estas la nura Esperanta masaĝejo en la tuta mondo (en kiu almenaŭ 5 homoj parolas kaj lernas la lingvon)!

Al eksterlandanoj : *Se iam vi vizitos Tajvanon, ne forgesu viziti tiun klinikon, ĉar tie vi estos tutcerte bonvenaj! Kevin kaj liaj kolegoj estos kontentegaj akcepti vin esperantlingve*.

Ankoraŭ interesa sperto: En iu sabato mi promenis en la urbo, kaj tute hazarde mi trafis ekokultiv-produktan merkateton! (fake mi estas agronomino kaj mi ĉiam interesiĝis pri ekokultivo). Interalie tie estis stando pri enkonduka kurso pri tradicia ĉina medicino en la universitato (mi ankaŭ interesiĝas pri tio), kaj ili invitis min por la samtaga vesperkurso; bedaŭrinde mi preskaŭ nenion komprenis krom kelkaj vortoj, sed tamen mi estis kontenta!

La tajnana kuirarto tre famas. Mi konstatis ke la tajnananoj ege fieras pri ĝi kaj ili ĉiam emas ĝin malkovrigi al eksterlandanoj. Mi ofte manĝis en memservejo, kie oni povas facile elekti la manĝaĵojn (pli facile ol elekti el restoracia ĉinlingva menuo!). Cetere, feliĉe manĝi per manĝbastonetoj plaĉas al mi.

## La tajvana kred-sistemo

Mi konstatis ke la tajvana kred-sistemo estas tre vigla, almenaŭ en Tajnano. La homoj iras en la templon por preĝi, bruligi incenson, por peti la protekton aŭ la helpon de la ĉielo aŭ Dio. Ŝajnas ke la diversaj ĉinaj tradicioj (budhismo, taoismo, konfucianismo) ofte miksiĝas.

Mi malkovris kiel la tajvananoj komunikas kun la dio(j) de la templo, per du lunformaj lignaj pecoj. La unuan fojon ke mi vidis tion, tio ŝajnis al mi mistera afero.

Mi ankaŭ rimarkis ke en iuj tagoj (laŭ la tradicia kalendaro) antaŭ vendejoj en la strato oni vidas fajron en kaldrono kaj belaspektajn oferdonojn (kokidoj, fruktoj, trinkaĵoj...) por la dioj.

Petardoj ofte sonas, por foririgi la malbonajn spiritojn, mi supozas.

La rilato kun la mortintaj pragepatroj ŝajnas esti grava afero. Preskaŭ ĉiu loĝejo havas pragepatran altaron. Alia ankoraŭ vigla afero estas ke laŭ la tradicio la infanoj devas bone zorgi pri siaj gepatroj. Ekzemple jen la demando de mia profesoro, kiam mi parolis pri mia familio (mi kaj miaj gefratoj loĝas for de miaj gepatroj): *Kiu zorgos pri viaj gepatroj kiam ili estos tre maljunaj kaj bezonos helpon?* Tio rilatas kun la konfucea tradicio.

Krom la tradicia religio estas ankaŭ aliaj religioj. Mi renkontis plurajn tajvanajn kristanojn.

## Ĉina novjarfesto

En la pasinta jaro kiam mi loĝis tie ĝi okazis en la 18a de februaro, kiam komenciĝis la jaro de la tigro. Estas la plej grava festo de la jaro, kun multaj ritoj tradiciaj. Ĝi iomete similas nian Kristnaskofeston.



Dum unu semajno la tutaj aferoj de la lando haltigitas, ĉar ĉiuj familioj kunvenas kaj kune festas.

La lingvo-centro ankaŭ fermiĝis dum unu semajno. Do mi profitis de la libertempo por iri al Honkongo dum tri tagoj, por viziti britan amikinon kiun mi renkontis en Pekino antaŭ kvin jaroj.

Post mia reveno de Honkongo, la ĉinan novjarfeston ni Esperante festis ĉe Reza. Estas bone uzi diversajn okazojn por kunigi la samideanojn.

**Turismo**

Mi ne havis multe da tempo por viziti la insulon. Mi bicikle vizitis kelkajn lokojn en Tajnano, ĝis Anping kaj la maro.

Dank' al esperantistoj mi malkovris Pingtung. Kaj dank' al Waro (s-ino Hsueh Chang-hui, film-reĝisorino, kies filmo estas subtitolita Esperante kaj mi renkontis ŝin dum la Zamenhof-festo), mi malkovris la Sirajan popolon kaj poste la faman lokon Hualian. Tiel mi malkovris la orientan marbordon. Mirinda kaj trankvila estis la loko kie ni loĝis, ĉe lagbordo ĉirkaŭita de montaro. Malkovrotaj vidindaĵoj multas!

**Por fini**

Kiam mi alvenis, por mi ĉio estis nova; mi malkovris iom post iom la universitaton, la urbon, la tajvanan vivon, novajn geamikojn... Ĉiutage mi malkovris ion novan, faris novajn konatiĝojn. Estis tre fascine, sed kelkfoje mi renkontis frustrajn interkomunikadproblemojn. Post du intensaj monatoj, kiam mi devis foriri, mi sentis min hejme.

Mi tre ŝatis mian restadon tie kaj esperas ke mi denove baldaŭ revenos. La tajvananoj estas afablegaj kaj ĉiam helpemaj. Ekzemple mi memoras ĉiun homon kiu ĉiĉeronis min en la Confuceo Templo, aŭ tiun herbo-farmacistinon kiun mi petis pri iu loko, kaj kiu kunkondukis min skotere tra la urbo ĝis tie.

Mi denove dankas al ĉiuj kiuj bonigis kaj riĉigis mian restadon. Mi esperas ke mi nun trovos tempon por daŭrigi la lernadon de la ĉina lingvo. Kaj ankaŭ plulerni la esperantan kaj la anglan... Do kiam mi revenos estos pli facile interkomuniki.

Mi elkore dankas al Reza kaj al ĉiuj por iliaj varma akcepto kaj amikado.

我衷心感謝所有臺灣的朋友!

*Anne el Francio* avernet2@gmail.com

# Programriĉa Zamenhof-Festo 2009
## 台灣世界語文化節 2009

***Abengo*** 卓照明

在 Reza 老師、屏東市大內菁英腳底按摩名店的店主 Kevin、以及一些中級世界語同好的安排下，紀念世界語大師柴門霍夫 150 年生日的世界語文化節於 2010 年元月二日在屏東市成功的舉行。參加的有本地世界語者約 25 名，還有外國的世界語來賓：法國的 Anne Vernet 小姐、義大利的 Cesco Reale、美國的 Jerry 牧師、紐西蘭的 Simone Robert 老師、日本的 Omura Kaori，以及菲律賓的 Cherry Glori 小姐等六名。

著名記錄片”藝霞年代”的導演薛常慧小姐也應邀參加本大會，並在大會講解她的影片，以及她如何使用世界語成功地在伊朗拍片和在台灣辦伊朗電影節。

La festo komenciĝis kun la Esperanta himno, La Espero; Jerry ludis la melodion sur elektronika klavaro kaj ĉiuj membroj kantis kune: „En la mondon venis nova sento, tra la mondo iras forta voko...“

Post la kantado Jerry, pastoro el Usono, parolis unue, pro tio ke li devis foriri frue. Li loĝas en Taichung jam longe kaj parolas la ĉinan lingvon flue. Ankaŭ Esperanton li parolas flue. Li antaŭe ne partoprenis en nia Zamenhof-Festo pro sia laboro, kiu bezonas lin en la semajnfinoj.

Sekve Reza legis la salutmesaĝon de KAEM-prezidanto Lee Jung-kee kaj faris mallongan anoncon pri UEA-membriĝo, Formoza Folio, abono de Esperanta gazeto „Beletra Almanako“, la 6a Azia Kongreso de Esperanto ktp. Ingrid interpretis.

Post la anonco de Reza, Abengo donis mallongan raporton pri sia 31-taga vojaĝo en Ĉinio kun kelkaj fotoj. Li ekvojaĝis la 28an de novembro kaj revenis al Tajvano la 28an de decembro en la pasinta jaro. Ĉefe li partoprenis en la 8a Ĉina Kongreso de Esperanto en Nankino kaj vizitis Ŝiamen, Nankinon, Yangzhou, superurbon Chongqing, provincon Sichuan kaj provincon Kuiyang. Dank' al la amikecaj helpoj de lokaj esperantistoj al li, Abengo vojaĝis en Ĉinio senprobleme kaj monoŝparante. Li montris la oficialan foton de la kongresfermo. Oni mirinde vidis ke ĉirkaŭ tri cent partoprenantoj aperas en la foto, kaj inter ili estas ĉirkaŭ sepdek Esperantaj geknaboj kun verda stelo.

Poste estis muziko. Muziko estas internacia lingvo senlima, ĉu ne? Amiko ludis klarneton kaj amikino klavaron. Inter la melodioj estis la tema muziko de la fama filmo *Titaniko* kaj la populara tajvana kanto „La luno reprezentas mian koron“.

Dum paŭzoj trinkaĵoj kaj etaj manĝaĵoj estis sufiĉe ofertitaj. Oni povis vidi la libro-ekspozicion kaj aĉeti librojn por lerni Esperanton aŭ plibonigi sian Esperantan nivelon. Abengo montris tridek kelkajn librojn aĉetitajn en Ĉinio. Dum la paŭzo oni parolis Esperante, krokodilis sovaĝe, aŭ aligatoris. Krom la lingvo Esperanto, la ĉina, la tajvana, la franca, la japana, la itala kaj angla estis uzataj. Kelkaj freŝaj komencantoj ne komprenis multon Esperante, kaj kelkaj ĉeestantoj estis poliglotoj.




Post la dudekminuta paŭzo niaj gastoj parolis Esperante, dum Ingrid kaj Abengo helpis interpreti. Cesco Reale rakontis kiel Esperanto helpis lin lerni pli ol 10 lingvojn. Cesco estas italo loĝanta en Svislando kaj diplomiĝis kiel voĉ-inĝeniero. Lia profesio enhavas voĉ-analizon, sciencan korespondon, aranĝadon de internaciaj kunvenoj kadre de Unuiĝintaj Nacioj en Svislando, preparadon de Ludokastelo, muzeo de ludoj en Svislando. Lia rakonto estis tre grava kaj interesa. Li emfazis ke oni lernas fremdan lingvon pli bone per fonetiko. Lerni lingvon sen fonetiko tute ne taŭgas. Li parolas praktike ĉiujn okcidentajn lingvojn, krome la hungaran kaj la ĉinan.

Anne diris ke ŝi eklernis Esperanton antaŭ unu jaro en sia vilaĝo. Post kelkaj monatoj ŝi partoprenis en la franca Esperanto-kongreso kaj sekve Universala Kongreso en Bjalistoko en Pollando. Ŝi venis al Tajvano de Francio la 24an de decembro por viziti dumonatan kurson de ĉina lingvo ĉe universitato. En Francio ŝi loĝas tute proksime al la limo kun

Germanio kaj Svislando. La regiono nomiĝas Alzaco. De sia domo ŝi povas vidi Nigran Arbaron en Germanio kaj la urbon Bazelo en Svislando. Oni povas viziti la mirindan ĉefurbon de Alzaco ŝipveturante. En la ŝipoj oni povas elekti Esperanton por aŭskulti la ĉiĉeronajn informojn. Estas ankaŭ restoracio en kiu la menukarto estas i.a. en Esperanto. Bonvenon al Alzaco.

Laŭ programo sekvis la dekkvin-minuta prelego de Kevin. Li donis prelegon pri sia vojaĝo en Japanio en 2009 memfide kaj senpaŭze. Se la festa tempo permesus, li povus paroli pli longe ol unu horon pri la temo. Post la vojaĝo al Japanio nun li povas paroli Esperante libere – kaj liaj fotoj estis mirindaj.

Por riĉigi la feston, Flora Chen estis petita paroli denove pri sia vojaĝo en Japanio en la jaro 2008 kun Ingrid. Ŝi emfazis ke japanaj esperantistoj estis tre helpemaj kaj gastamaj, kaj la japana Esperanto-movado aperas tre forta. Post la vojaĝo ŝi kaj Ingrid fariĝis veraj esperantistinoj.

La lasta, sed la plej bona parto de la festo estis la filmprezentado de nia gasto s-ino Hsueh. Ŝi estas konata filmreĝisoro de Tajvano. Ŝi faris tre bonajn dokumentajn filmojn, speciale pri virinaj temoj. Ŝi diris ke pro sia ambicio fari filmon pri iranaj virinoj ŝi demandis al Reza kaj tiel ekkonis Esperanton. Kun helpo de Reza (kaj alia irana esperantisto) ŝi plenumis sian taskon sukcese, kaj plie establis bonajn rilatojn inter Tajvano kaj Irano film-rilate. Ŝi okazigis iranan filmfestivalon en 12 tajvanaj urboj por montri 15 iranajn filmojn. Kelkaj tipaj filmoj de Tajvano ankaŭ estis prezentitaj en Irano pro ŝia aranĝo. Ni vidis partojn de ŝiaj filmoj. Inter ili „E.SHA Epoko“ estas eble la plej bela filmo de s-ino Hsueh.

Post la prezentado de filmoj restis nur mallonga tempo por montri kartludon en Esperanto per la gvido de Cesco, nia itala gasto kaj entuziasma ludofakulo. Aĝuloj kaj junuloj ambaŭ ŝatis la ludon. Bedaŭrinde mankis tempo por la bela kartludo. Estis jam la sesa vespere. La festo finiĝis oficiale, sed nia kunveno daŭris. Ni manĝis en la sama restoracio kaj daŭris babilado tie ĝis la oka vespere.

La partoprenantoj de la ĉi-jara Zamenhof-festo estis el jenaj landoj: Tajvano, Irano, Nov-Zelando, Japanio (du eksaj lernantoj de Esperanto), Usono, Italio, Francio, Filipinoj (temas pri Cherry, la helpantino de la familio de Reza, kiu nun bone parolas Esperanton).

# Diversaj Impresoj pri Mongolio
## 蒙古旅遊印象

***Wang Ju-kwei*** 王九逵
***fotoj: Abengo*** 卓照明




Mia vizito al Mongolio estis inter la 11a kaj la 25a de junio, 2010, kun mia amiko profesoro Cho Chao-ming (kies Esperanta nomo estas Abengo) por partopreni en la 6a Azia Kongreso de Esperanto. Mia impreso pri Mongolio estas malsama de kaj malpli bona ol tiu de Abengo. Jen mi raportas al vi la mian.

我到蒙古的旅行是在 2010 年 6 月 11 日和 25 日之間。同行者有卓照明教授（別號爲阿明哥），我們旅遊的目的是參加第六屆亞洲世界語大會。我對蒙古的印象和阿明哥的頗爲不同，不像他的那麼好。以下是我的報告。

Pri vetero Junio estas inter la plej belaj monatoj en la ĉefurbo Ulanbatoro de Mongolio: nek tro varma, nek tro malvarma. La temperaturo estis, laŭ mia sento, inter 18 kaj 28 celsiaj gradoj. Mi aŭdis antaŭ la vojaĝo, ke la vetero estus malvarma, kaj mi kunportis dikajn vestaĵojn, kiujn mi fakte ne bezonis. Mi bezonis ĉemizojn kun mallongaj manikoj kaj mallongajn duonpantalonojn, sed mi ne kunportis ilin kaj ne volis aĉeti. Ankaŭ la klimato estis seka. Dum la 12 tagoj de mia restado en Ulanbatoro, nur ĉirkaŭ 5 milimetroj da pluvo falis. Mi ĉiam sentis trinkeman gorĝon kaj sekan nazon.

蒙古首都烏蘭巴托的天氣中，六月是最好的：既不太熱，也不太冷。依照我個人的感覺，溫度是在攝氏十八度和二十八度之間。在出發前，聽說蒙古的天氣很冷，所以我帶了很多厚重的衣服，但這些我全都沒用到。有需要的短袖襯衫和短褲卻全都沒帶，但我也不想買新的。好在天氣乾爽，我停留在烏蘭巴托的十二天中，只降過約五公釐的雨。我的喉嚨和鼻子經常發乾發燥。

Mongolio havas ĉirkaŭ 2,7 milionojn da loĝantoj, inter kiuj unu miliono loĝas en la ĉefurbo Ulanbatoro. La nomo de la lando estas simple „Mongolio“ anstataŭ la antaŭa „Popola Respubliko de Mon-

golio“. Ekde 1990, ĝi deĵetis politikan influon de Rusio kaj plene memstaras. Tiam rusoj transmovis la rusajn fabrikojn en Mongolio al Rusio, postlasante ekonomie senrimedan landon, kiu praktike ne povus vivteni sin. Ne tro malproksime de Ulan-batoro oni vidas vastan stepon, sur kiu vagas bovoj, kaproj kaj ĉevaloj, kiuj fariĝas la ĉefaj pro-duktoj de la lando. Aliaj breditaj bestoj estas la kameloj, kiujn mi ne vidis, ĉar ili vivas apud la dezerto. Mongolio vendas krudan oleon al Rusio kaj aĉetas benzinon de Rusio. Ĉiutagajn provizojn Mongolio importas de Ĉinio, Rusio, Koreio kaj aliaj landoj.



蒙古人口約二百七十萬，其中一百萬住在首都烏蘭巴托。現在的國名是簡明的「蒙古」，已廢棄了以前的名稱「蒙古人民共和國」。1990 年，蒙古摒棄了俄國的影響後就完全獨立自主。那時俄國把在蒙古的工廠全運回俄國去，留給蒙古人民的是一個經濟上沒有資源、不能自給自足的國家。離開烏蘭巴托不遠便可看到一望無際的草原，上面牛、山羊和馬遊蕩着。這些便是蒙古的主要物產。另一種畜養的動物是駱駝；因爲它們生活在沙漠地帶，所以我沒有見到它們。蒙古還產原油，賣給俄國，再從俄國買汽油回來。日用品則是從中國、俄國、韓國等其他的國家進口。

En Mongolio oni povas uzi usonajn dolarojn kaj eŭrojn, sed la oficiala mono estas mongolaj togrogoj. Unu usona dolaro proksimume egalas al 1380 togrogoj kaj unu tajvana dolaro al 40 togrogoj. La kurzo de inter-ŝanĝo ŝanĝiĝas de tago al tago. Sed la influo de Usono ne rimarkindas. Ekzemple, ne ekzistas iu MacDonald’s en tuta Mongolio. Ne multe da mongoloj komprenas la anglan lingvon, kaj la rusa estas ĝis nun la plej populara fremda lingvo. La mongolaj laboristinoj en Tajvana Centro bele parolas ĉine. Aliflanke la influo de Koreio estas evidenta. En Ulanbatoro estas stratego kun la nomo „Strato de Seulo“ kiun Koreio monhelpis konstrui. Koreaj monumentoj kaj aliaj memoraĵoj aperas multaj.

蒙古的國幣是蒙元(togrog)，但在蒙古可以使用美元和歐元。一美元約可兌換 1380 蒙元，一圓臺幣約折合 40 蒙元。兌換匯率每日都有些許變化。儘管如此，美國對蒙古的影響並不明顯。例如，全蒙古沒有一家麥當勞，懂英語的蒙古人並不多，而俄語仍是最流行的外國語。在台灣會館工作的蒙古小姐能說流利的華語。另一方面韓國對蒙古的影響很明顯，在烏蘭巴托便有一條由韓國資助興建的「首爾路」，另外到處可見韓國的紀念碑等紀念性建築。

La sinteno de mongoloj al Ĉinio estas miksita: ili kaj amas kaj malamas ĉinojn. Ĉinaj varoj abundas, kaj la mongoloj bezonas ilin. Ĉu pro rusa propagando, ĉu pro tio, ke Ĉinio malpermesis mongolan sendependiĝon dum la 1920aj jaroj, ĉu pro mistrakto far la ĉina registaro, la malamo de mongoloj kontraŭ Ĉinio estas profunda. Iam sur ruina muro en Ulanbatoro aperis skribaĵo „Mortigu ĉinojn“! Iu avertis nin, ke paroli ĉine sur strato estas danĝere. Aliflanke ili sentas amikecon al tajvananoj. Interalie, la Tajvana Fonduso por Infanoj kaj Familioj, kiu ĉiumonate donacas po 5000 togrogoj al 5000 malprivilegiitaj infanoj en Mongolio, montras, ke Tajvano estas amikeca lando.

蒙古人對中國的態度是雙重的：又愛又恨。中國商品隨處可見，蒙古人也需要這些貨品。可能出於俄國人的宣傳，也可能是 1920 年中國不允許蒙古獨立、或是中華人民共和國不曾善待蒙古人民，蒙古對中國的恨意頗深。在烏蘭巴托的一座斷垣上曾出現過「殺死中國人」的文字。有人警告過我們：在街上講華語是危險的。但另一方面蒙古人對台灣人是友善的。原因之一是「家扶基金」，這個基金每月發給 5000 個蒙古貧困兒童各 5000 蒙元，使蒙古人認爲台灣是一個友善的國家。

Estas du skribometodoj de la mongola lingvo. La malnova alfabeto evoluis el la ujgura alfabeto, kaj estas konservata en Ĉinio. Nun ne multaj en Mongolio konas ĝin. La manĉuroj, kiuj regis Ĉinion dum la Qing dinastio, uzis la saman alfabeton por skribi sian lingvon. La nova skribo baziĝas sur la cirila alfabeto, kiun mi feliĉe konas, kaj mi povis legi la butikajn ŝildojn en la stratoj.

蒙文有兩套書寫的方法。舊蒙文的字母從回紇字母發展出來，現在仍在內蒙古流行通用，但能寫舊蒙文的人已經不多了。曾經統治過中國的滿族在滿文中也使用相同的字母。新蒙文是用俄國字母書寫的。幸而我認識這套字母，所以可讀出街上的招牌。

Dum nia restado en Ulanbatoro, ni loĝis en la Tajvana Centro. Ĝi estas 5-etaĝa konstruaĵo posedata de iu tajvana kompanio. En la unua (aŭ grunda) etaĝo troviĝas Ĥan Banko kaj alia kompanio. La dua estas

okupata de la Tajvana Fonduso por Infanoj kaj Familioj. En la tria troviĝas la oficejo de la tajvana komisio de komerco. La kvara kaj kvina funkcias kiel hotelo. Nia ĉambro estis en la kvara. La luprezo por unu persono estas 49 usonaj dolaroj, sed por du personoj nur 50. Tio enhavas matenmanĝon. Oni povas loĝi malplikoste en geroj, t.e. mongolaj tendoj. Iun tagon la Tajvana Fonduso disdonis helpmonon al la infanoj. Ni vidis, ke infanoj kun iliaj patrinoj en belaj vestaĵoj vice atendis. La mongoloj, iel ajn malriĉaj, ĉiam surmetas la plej belajn vestaĵojn por eliri de hejmo. Aliflanke, laŭ tajvana normo, la vestaĵoj de virinoj estas iom tro allogaj kaj maldecaj.

在烏蘭巴托時，我們住在台灣會館。那是一個五層樓的建築物，業主是一家台灣公司。一樓是可汗銀行和另一家公司，二樓是家扶中心，三樓是台灣商務代表處，四樓和五樓是旅社。我們的房間在四樓，租金一人每天四十九美元，包括早餐，但兩人合住一間的話每天僅五十美元。如果住蒙古包，租金還可以大幅降低。有一天家扶中心發放福利金給貧困兒童，我們看到兒童和他們的母親排隊等候。蒙古人，不管多麼窮苦，出門時一定要穿得漂漂亮亮的，展現家中最好的衣服。但從台灣的標準看，女人的衣着似乎過於清涼了些。



La lamaismo, sekto de budhismo, estas la ĉefa religio en Mongolio. Dum la epoko de popola respubliko, religio estis subpremata. Preskaŭ ĉiuj temploj estis rompitaj aŭ okupitaj de la armeo. Post 1990 kelkaj famaj malnovaj temploj estis renovigitaj kaj multaj novaj temploj estis konstruitaj. La mongoloj estas tre piaj. En ĉiu templo en la muro kaj ĉirkaŭ aliaj konstruaĵoj viciĝas sonoriloj kun turneblaj teniloj. Kredanto, enirante la templon, ĉirkaŭiras kaj turnas ĉiun sonorilon per la tenilo por senkulpigi siajn malbonajn agadojn kaj peti por bona sorto. Ekzemple, en Mongolio la ĉefa manĝaĵo estas viando, sed la budhisma doktrino malpermesas manĝi viandon. Per turnado de sonoriloj la peko de viandomanĝo nuliĝas. La

plej granda kaj prestiĝa templo en Ulanbatoro estas la Gandan Templo, en kiu ne nur estas grandega statuo de budho, sed ankaŭ universitato de budhismo. La lamaismaj bonzoj, malsamaj de tiuj en Tajvano, edziĝas kaj havas gefilojn. Por sia vivteno, la bonzo ricevas monon de la kredantoj pro servoj elekti daton de geedziĝo aŭ funebro, nomigi novnaskitan infanon, bonsortigi kredantojn per ĉanto de sutro kaj mirindaj vortoj, ktp. Tiel ili funkcias kiel budhista bonzo kunligita kun taoisto en Tajvano. Estas unusola katolika preĝejo apud Ulanbatoro, kiun ni vizitis. La pastroj venis de Afriko.

蒙古人主要的信仰是佛教中的喇嘛教派。在人民共和國時代，人民不准進行任何宗教活動。當時廟宇不是被摧毀就是駐了軍隊，直到 1990 才重修了一些舊廟宇和興建了很多新廟宇。在每個廟宇沿著牆設有一圈的鐘，這些鐘圍繞著廟裡的建築物，鐘下附有扳手。蒙古人相當虔誠，信徒進入廟宇後，沿牆繞行一圈，並用扳手轉動每一口鐘，這樣便可贖罪並得到平安。例如，蒙古人的主食是肉類，但佛教是禁止吃肉的，但轉動每一口鐘後，吃肉的罪孽便註銷了。在烏蘭巴托最大的廟宇是干丹寺，在這廟中不但有巨大的佛像，並且有一所佛教大學。喇嘛們和台灣的和尚不同：他們娶妻生子。他們養家活口靠的是為婚喪擇日、為嬰兒取名字、藉念經祈福改運等等。所以他們的功能像台灣的和尚和道士。這裡只有一座天主堂，神父都是非洲人。

La stratoj en Ulanbatoro havas nomojn, kiuj ne aperas ie laŭ la strato. Oni konas ilin nur de la mapoj. Mi ne vidis iun neonlampon. Iuj butikoj estas en geroj. La mongoloj estas malriĉaj, kion oni povas facile dedukti de la fakto, ke estas multaj lombardejoj laŭ la strato. Estas bedaŭrinde, ke multaj mongoloj ŝtelas. Kiam vi promenas laŭ strato kun dorsosako sur dorso, ofte iu venas malzipi vian sakon. Tion ni renkontis multfoje. Unue mi sentis ŝoveton malantaŭ mi, kaj turnis min. Iu mezaĝulo forkuris. Abengo diris al mi, ke la zipo de la pli granda poŝo de mia sako estis malfermita, kaj en tiu poŝo oni nur trovis librojn kaj kajerojn. Do li provis malzipi la malpli grandan poŝon, kiam mi sentis ĝin. Duafoje estis kiam ni eniris en la poŝtejon tra turniĝanta pordaro. Iu mezaĝa grasulo sekvis Abengon en la sama sektoro de la pordaro, kaj mi sola okupis la sekvantan sektoron. Elirante, mi trovis, ke la dorsosako de Abengo estis malzipita. Mi rezipis ĝin por li, kaj la grasulo, vidante min fari tion, forkuris. La tria fojo estis apud gera vendejo proksime de la Tajvana Centro. Mi sentis ŝoveton sur mia dorso, kaj kaptis manon ĉe mia dorsosako. Mi kriegis germane: „Was machen Sie?“ (Kion vi faras?) Knabo en la aĝo de 15 aŭ 16 jaroj disiĝis de mia mano kaj forkuris. Tiam

du viroj antaŭ mi kaj malantaŭ Abengo ankaŭ forkuris. La zipo de la dorsosako de Abengo estis malfermita samkiel la mia. Feliĉe ni perdis nenion post tiuj ŝteloprovoj. Ekde tiu tago, mi ĉiam portis mian dorsosakon antaŭ mia brusto.

烏蘭巴托的街道都有名字，但街名只出現在地圖上，不出現在街道上。這裡我沒有看到霓虹燈。有些商店開在蒙古包中。蒙古人民窮困，從街邊當舖林立便可推斷。我很遺憾，蒙古有很多扒手。當我們揹著背包在街邊走時，就常會有人在背後拉開背包的拉鍊，這事我們遇到了好幾次。第一次我感到背後有推動的感覺，我連忙回頭，一個中年男子很快地跑掉了。阿明哥告訴我，我背包的最大一層的拉鍊已經被拉開了。因爲裡面放的是書和筆記本，他才去拉較小的那一層拉鍊，不過那時我已驚覺了。第二次是當我們進入郵局的旋轉門時，有一位中年胖子跟隨阿明哥進入同一層，我跟在後面。出來後，我發現阿明哥的背包拉鍊已經拉開了，我幫他重新拉好。那個胖子看到我這樣做的時候，便跑掉了。第三次是在台灣會館附近的一個蒙古包商店旁邊。我覺得有人推動我的背包，我伸手到背後背包處，抓住了一隻手。我用德語大叫：「Was machen Sie?（你在做什麼？）」一個十五六歲的男孩掙脫我的手跑開了。同時在我和阿明哥中間也有兩個男生跑開。阿明哥的背包的拉鍊和我的一樣，都被拉開了。幸好在這幾次偷竊的經驗中，我們都沒丟掉東西。但從那天起，我總是把背包掛在胸前。

Abengo donis bonan raporton pri la 6a Azia Kongreso de Esperanto, kaj mi nur volas aldoni kelkajn vortojn. Mia aŭda kapablo de Esperanto ne estas tiel bona kiel dezirate. Malgraŭe mi bone sekvis la programon. Mi estas neŭtrala pri religioj, kaj iomete malŝatas ilin. Sed la religioj de oomoto, ŭonbulismo kaj bahaismo okupis multan tempon en la kongreso. Ili eĉ provis disvastigi siajn religiojn. Ankaŭ estis longa kunsido pri spirita kuraco laŭ teorio de Bruno Gröning, kiun mi konsideras kiel pseŭdosciencon. Mi partoprenis en neniu el ili. Mi ĉeestis ĉe tri prelegoj, en kiuj Abengo ne partoprenis. En unu el ili estis montritaj per komputilo pli ol 200 fotoj de grupo de esperantistoj vojaĝinte per la transsiberia fervojo. Kelkaj kunveturantoj ankaŭ aŭdis la prelegon. Alia estis pri mongola historio. La prelego estis vere „prelego“, aŭ „legado antaŭ vi“. La parolantino legis je dormiga tono el siaj notoj. La tria prelego estis pri la Asocio de Verduloj Esperantistaj (AVE). Tiu prelego de s-ino Grosjean pri la vivmaniero de la verduloj estis interesa kaj fervoriga.

阿明哥爲第六屆亞洲世界語大會寫了很好的報導。爲此我只想添加幾句話。我對世界語的聽力不是很好，但我仍能大體瞭解議程。我對宗教是中立的，但或多或少有點不喜歡宗教。大會中大本教、圓佛教和大同教佔了很多時間，他們甚至想藉大會傳教。另外有一場很長的關於 Bruno Groning 的精神治療法的介紹。我認

爲那是假科學，我都沒參加。但我參加了三場阿明哥沒參加的節目，其一是用電腦展示了二百多張照片，是一些世界語者搭乘橫跨西伯利亞鐵路時拍攝的。幾位搭車者也參加了這場會議。另一個節目是講述蒙古史，講演者在朗讀：用使人入夢的聲調唸她的筆記本。第三場是關於綠色世界語者協會(Asocio de Verduloj Esperantistaj, AVE) Grosjean 女士以生動有趣的方式講述綠色運動者的生活和主張。

Mi esperis, ke mi povus aĉeti multajn librojn en Esperanto dum la kongreso. Malfeliĉe tio ne okazis. Estis nur iom da libroj venditaj por mondonaco al la Mongola Esperanto Asocio, kaj kelkaj koreaj libroj venditaj de la Korea Esperanta Asocio. Aĉeto de Esperantaj libroj ne estas facila!




我很想在大會會場上買一些世界語的書，可惜這願望沒有達成。會場中只有蒙古世界語協會爲募款出售的一些書，和韓國世界語協會出售的幾本書。想買世界語的書真不容易！

## Oktobra kunveno kun Jorge Camacho
## 屏東世界語協會 10 月份的特別訪客

***Abengo*** 卓照明

每月的第一個星期六是世界語會員的固定聚會日，這個月我們有一位來自西班牙的特別訪客。

La oktobra kunveno de Pingtung-aj esperantistoj okazis posttagmeze la 9an de oktobro en kafejo “Bluo kaj Ruĝo”. Ĉeestis 10 personoj, inter ili Jorge Camacho kiel nia honora gasto.

Jorge Camacho, 45-jara esperantisto el Hispanujo, estas la ĉef-redaktoro de esperanta gazeto *Beletra Almanako* kaj antaŭa membro de Akademio de Esperanto. Li vojaĝis al Tajvano kun sia tajvana edzino kaj intencas resti en Pingtung semajnon por familiaj aferoj.

Jorge Camacho donacis du librojn al nia Esperanto-klubo. Unu libro estas *La Verkoj de Verda Majo* kaj la alia *5000 Jaroj de Ĉinio*. Ambaŭ libroj estis eldonitaj de Ĉina Esperanto-Eldonejo. Li klarigis ke Verda Majo (1912-1957) estis japana esperantistino laboranta kaj batalanta kune kun ĉinoj kontraŭ japana invado al Ĉinio. Ni kune legis unu mallongan artikolon el la verkoj de Verda Majo "Kiel lerni Esperanton".

Kevin raportis pri la preparado de vojaĝo de naŭ esperantistoj al Koreio en Januaro 2011. Li ankaŭ fiksis la tagon de la ĉi-jara Zamenhoffesto je la 18a de decembro.

Kevin ankaŭ raportis la preparadon por la fondo de Tajvana Esperanto-Asocio. Por esti rekonita de la registaro la asocio devas prezenti la asocioregularon kaj havi minimume tridek membrojn.

Reza diris, ke en Pingrong Mezaltlernejo kadre de eksterkursa programo 36 lernantoj aliĝis al la kurso de Esperanto. Pli ol duono de la aliĝintoj lernas en la fako de japana lingvo.

Abengo raportis, ke la enhavo de lia Esperanto-Ĉina Vortaro jam kreskis al 320 paĝoj kaj li daŭrigas la kompiladon de vortaro laŭ PIV 2005 diligente. Post lia emeritiĝo li povas iom pli multe zorgi por la aferoj de la tajvana Esperanto-movado.

Ingrid diris, ke ŝi vojaĝis al Xiamen en Ĉinio kaj renkontiĝis kun lokaj esperantistoj, inter ili Fabina kiu en la pasinta jaro jam vizitis Pingtung kaj ĉeestis nian monatan kunvenon.

Brila rakontis pri siaj spertoj dum la trimonata restado en Tajlando. Ŝi iris tien por instrui la ĉinan lingvon al infanoj kies gepatroj estas ĉinoj, sed pro malriĉeco ili ne havis ŝancon lerni la gepatran lingvon.

La pingtung-a monata kunveno okazadas stabile kaj senĉese jam multe da jaroj. Nun la tempo por fondi la rekonitan Esperanto-asocion estas matura. Oni divenas ke la Esperanto-movado en Tajvano antaŭeniros.

記泰北行

# Memoroj pri restado en Norda Tajlando

***Brila Li*** 李淑萍

***elĉinigis Wang Ju-kwei*** 王九逵

去年四月朋友 Wu 在台北聽了一場泰北志工說明會之後，就隻身前往泰北，並在當地教了一年書。今年四月返台，和我聊起那兒的生活，我覺得這真是很棒的一場經歷，非常動心，但要放下一切去泰北一年似乎稍有困難。Wu 很鼓勵我去，她把當地學校的電子信箱給我，叫我自己問問，瞭解狀況。我和當地老師通了幾次信，得知可去三個月，不必非得一年，和家人商量後決定去一趟泰北。

Je Aprilo de lasta jaro mia amikino Wu, post kiam ŝi ĉeestis al konferenco por varbi volontulajn instruistojn por lernejo en Norda Tajlando, iris tien instrui por jaro. En Aprilo ĉi-jare ŝi revenis Tajvanon kaj rakontis al mi pri la tiea vivo, kio ege ravis min. Sed estis malfacile por mi flankenmeti ĉion kaj iri tien por tuta jaro. Wu kuraĝigis min iri, kaj donis al mi retan adreson por ke mi demandu pri la kondiĉoj. Post kelkaj korespondoj la tiea instruisto skribis al mi, ke anstataŭ la tutan jaron mi povas instrui por nur tri monatoj. Do post diskuto kun miaj familianoj mi decidis iri.

今年 6 月 23 日的早班飛機，不知是興奮還是緊張，清晨兩點多入睡，四點就醒了，五點搭車去機場搭機，先飛曼谷再轉清萊，加上候機時間，到清萊機場已是晚上八點了。F 老師拿著名牌在機場等候，開了快兩小時，看不清車外的景色，幾乎是一片黑，隱約看見山路和一些茅草屋，只覺得真的是”山上”耶。

Mi veturis per aviadilo matene je la 23a de junio. Eble pro ekscito aŭ pro nervozo, mi ne povis dormi antaŭ la 2a nokte kaj vekiĝis je la 4a. Je la 5a mi sola veturis per taksio al la flughaveno kaj per aviadilo al Bankoko, kie mi ŝanĝis aviadilon kaj pluflugis al Chiang Rai. Post longaj flugado kaj atendado, mi atingis Chiang Rai je la 8a vespere. Instruisto F. atendis min en la flughaveno kun nomotabulo en mano. La veturado al la lernejo daŭris proksimume du horojn. Estis tre mallume ekster la aŭto, kaj mi nur povis vidi siluetojn de monta vojo kaj pajlaj kabanoj. Mi sentis, ke mi fine estis sur monto.

可能是累了，向來認床的我一躺下來就睡著了。早上一睜開眼，耳邊傳來數種鳥鳴，清脆悅耳。山色非常美麗，山嵐緩緩移動，賞心悅目。白天的時間可以用來備課、畫教具、做字卡、圖卡、或看看閒書。學生早上八點至下午四點要上泰

文學校，下午五點至八點才會來中文學校上課。我教一年級的國語，本以爲他們是民國三十八年抗戰期間國軍的後代，中文應該可以溝通，後來才知並非如此。我教的這間小學是泰國人及少數民族居多，因此他們是說自己的母語(阿卡話.甲良話.?傈話.….等)或是泰文。

Eble pro laco mi facile endormiĝis, spite de la fakto, ke mi ordinare apenaŭ povas ekdormi en fremda lito. Matene mi aŭdis melodiajn kantojn de birdoj kaj vidis malrapide moviĝantan nebulon ĉe mezo de bela monto. En la lernejo mi uzis la tempon dum tago por prepari la lecionojn aŭ legi diversajn librojn. La lernantoj devis ĉeesti la tajlanda-lingvan lernejon de la 8a matene ĝis la 4a posttagmeze, kaj ili studis en la ĉina-lingva lernejo inter la 5a kaj la 8a vespere. Mi kredis, ke la lernantoj estus posteuloj de ĉinaj soldatoj, kiuj eniris Tajlandon en 1949, kaj tial komprenus iom da ĉina lingvo. Sed mi eraris. Multaj el la lernantoj estis tajlandanoj kaj anoj de malplimultoj, kaj iliaj lingvoj krom la tajlanda estis akhan, kharen, lolo, ktp.

下課時學生都會跑來幫忙拿東西回辦公室 1)。後來我換座位了，就跟學生說：「老師換座位了」，還一邊用手比著「從辦公室的最左邊換到最右邊了，懂嗎」？他們很大聲的回答懂。一連三天，我回辦公室後仍要去最左邊的位子搬回我的皮包、削鉛筆機、課本、和簿子。漸漸我發現我說懂不懂？會不會？好不好？他們一律回答懂！會！好！

Post leciono la lernantoj helpis al mi movi instruilojn en la oficejon. Iam mi ŝanĝis la sidlokon en la oficejo. Mi diris al la lernantoj, „Mi ŝanĝis mian sidlokon“, kaj gestis al ili, ke mi moviĝis de la maldekstra flanko al la plej dekstra sidloko. Do mi demandis al ili, „Ĉu vi komprenas?“ Ili laŭte respondis: „Jes“. Sed dum tri tagoj ili ankoraŭ metis miajn tekon, krajonakrigilon, lernolibron kaj kajerojn sur la malnovan studtablon. Poste mi trovis, ke kiam ajn mi demandis „Ĉu vi komprenas?“, „Ĉu vi scipovas?“ aŭ „Ĉu bone?“ la respondo estis ĉiam „Jes“.

中文對他們來說真的不好學。我想盡辦法用圖片，肢體扮演，各種遊戲…等等去讓他們瞭解並記住。第一次聽到一句完整的中文是兩個小男生，一個追、一個跑，其中一人指著另一人對我大叫：「老師，他打我」。我很驚喜的看著他們說不行打人，心裡是想，哇…打得好。

La ĉina lingvo estis tre malfacila al ili. Mi ĉiel provis per bildoj, gestoj, aktorigoj, ludoj ktp helpi ilin kompreni kaj memori ĉinajn frazojn. La

unua fojo ke mi aŭdis kompletan ĉinan frazon estis kiam knabo ĉaskuris post alia knabo. La antaŭkurinto diris al mi, „Sinjorino, li batis min.“ Mi mirante rigardis ilin kaj diris „Vi ne devas bati alian“, sed en koro mi diris al mi: „Bone, ke kompleta frazo estis elbatita!“

學生課餘時的遊戲是玩竹筷子、跳橡皮筋、丟小土塊、彈珠、或是踢籐球、丟鞋子之類的。常見教室屋簷上有一塊抹布或一隻鞋，四.五個學生拿著長竹竿努力要勾下來。集合時，司令台上老師訓話：「不要把東西往屋頂上丟」，說著說著鞋子慢慢　　　的滑了下來。老師問誰的？就有學生走出去領回自己的鞋。山上的孩子韌性很強，不怕風吹雨打。山上多雨，見他們都無視於下不下雨，仍在雨中玩耍。停電無法上課或下超大雨時，老師哨子一吹宣布放學，只聽見一陣歡呼，一百多位小朋友衝入黑暗中，不一會便消失無蹤，行動之迅速確實令人瞠目。



Inter aŭ post lernohoroj la lernantoj ludis per haŝioj aŭ globetoj, saltis tra vicligitaj kaŭĉukaj ringoj, piedbatis rotangajn pilkojn, kaj ĵetis kotbulojn, viŝtukojn, ŝuojn ktp. Mi ofte vidis, ke viŝtuko aŭ ŝuo pendas sur tegmento-rando, kaj kvar-kvin lernantoj penas faligi ĝin per bambua stango. Iun tagon dum ĉiutaga alkunigo kiam la instruisto sur podio diris: „Ne ĵetu ion sur la tegmenton,“ ŝuo malrapide glitis de la tegmento. La posedanto do regajnis sian ŝuon. La montanaj infanoj estas tenacaj. En montaro pluvas ofte, kaj ili plue ludis en pluvo. Kiam elektro paneis aŭ peze pluvis, instruisto fajfe anoncis ke la lernotago finiĝis, kaj cent lernantoj ĝojkriis kaj tuj malaperis en mallumo. Ilia rapideco gapigis min.

週六泰文學校不用上課，因此中文學校是上早上八點至下午三點半。午餐老師沒有和小朋友一起用餐，學生有的回家吃，有的自行帶便當，通常我會去教室和他們一塊吃飯。他們的便當都很簡單，一些白飯和一個蛋、一條魚、或一些蔬菜，一個便當不會出現兩種以上的菜。他們會坐在一起分享。有一次我看見一些油炸物，就問是什麼？一個小男生馬上跑去黑板，畫了一隻雞，身中一刀。我對他們的食物都很好奇，小朋友也都很大方，會說：「老師.吃」，然後望著我、等候我吃後的評語。我會夾起一小口細細品嘗，誇張的說好好吃，小朋友便會露出笑容。

後來他們也學會了問：「好吃嗎？」因爲我常請他們吃東西並大聲問：好吃嗎？週六的午餐時間我分享過他們的粥、糯米粑粑、炒飯、和魷魚…等，雖然是很簡單的食物但都很美味。

Sabaton la tajlanda-lingva lernejo donis neniun lecionon. Do la ĉina-lingva lernejo kunsidis de la 8a matene ĝis la 3a kaj duono posttagmeze. La lernejo ne provizas tagmanĝon por la lernantoj, kiuj aŭ reiras hejmen manĝi, aŭ portas gamelojn. Tiam mi kutime manĝis en la klasoĉambro kun la lernantoj. En gameloj de la lernantoj la manĝaĵoj estis simplaj: rizo kun alia manĝaĵo, kiu povis esti ovo, fiŝo aŭ ia legomo. En unu gamelo neniam aperis du specoj de pladaĵoj krom rizo. Ili kune sidis kaj dividis siajn pladaĵojn. Foje mi vidis fritaĵon, kaj demandis, kio ĝi estas. Knabeto iris al la nigra tabulo kaj desegnis kokon kun tranĉilo en ĝia korpo. Mi scivolis pri la manĝaĵoj de la lernantoj, kaj ili ĝentile invitis min manĝi. Mi gustumis malgrandan pecon kaj poste gestoplene laŭdis la guston. La lernantoj kontente ridis. Poste ili lernis demandi min „Ĉu bongusta?“ ĉar tio estis mia demando al ili post kiam mi invitis ilin manĝi ion mian. En sabatoj mi divide ĝuis iliajn rizsupon, krespojn el glueca rizo, frititan rizon, kalmaron, ktp. Ĉio malgraŭ simpleco estis bongusta.



泰北有一種動物，依叫聲取名爲 doge，長得像台灣的壁虎，但大很多，約六公分寬，三十公分長，泰北當地視它爲吉祥物。以前很多，後來有人抓去賣了作藥，便越來越少了。我對此動物有興趣是因其叫聲很特別，叫之前會清嗓子，有點像羊叫,只叫奇數不叫偶數,數學比我還好耶,而且有時還會跳針，doge.doge.ge.ge.ge。晚上我常期待它的叫聲，如沒聽見，自己會叫幾聲 doge 再睡覺。

Estas rampulo en Norda Tajlando, kiu pro sia pepanta bleko nomiĝas „doge“. Ĝi aspektas kiel la geko en Tajvano, sed estas multe pli granda, je 6 centimetroj larĝa kaj 30 centimetroj longa. La nordtajlandanoj rigardis ĝin kiel feliĉiganton. Antaŭe estis multaj, sed nuntempe ili estis kaptitaj kaj manĝitaj kiel medikamentoj, kaj malpliiĝis. Ili estas pli bonaj

matematikistoj ol mi, ĉar ili ĉiam elmetis malparan nombron da krioj, tiel: „doge, doge, ge, ge, ge“. La sono iomete similas ŝafan blekon. Dum nokto kiam mi kuŝis enlite sed ne endormiĝis, mi atendis iliajn kriojn. Se mi ne aŭdis ilin, iam mi mem doge-is kelkfoje.

住在山上真的很好，風景美，空氣新鮮。工友叔叔種了一些蔬菜、玉米、芭蕉、百香果、花生、木瓜、香茅、薄荷、蘆薈等一堆東西，校長也常帶來一些植物種植。只是雨季有時缺菜又沒下山買菜時，也會不知吃啥好。有一次連下了好幾天大雨，廚娘居然用豆花炒豆腐，哈！屋裡沒電視，飯廳裡有一台，不過常收不到訊號，網路也連不上線。幸好圖書室裡有書，空閒時看了不少好書。當然在山上蚊子是少不了的，我在泰北三個月被咬的比我這輩子在台灣被咬的還多，而且超癢，抓到流血，晚上還抓到無法睡。

Montana vivo estis feliĉa. Mi havis belan pejzaĝon kaj freŝan aeron ĉirkaŭe. La servista onklo plantis legomojn, maizojn, bananojn, pasiflorojn, arakidojn, papajojn, citronelojn, mentojn, aloojn ktp. La lernejestro ankaŭ ofte alportis kreskaĵojn por planti. Nur dum la pluvsezono iam legomoj mankis sur la monto kaj malfaciliĝis iri suben aĉeti ilin. Ni apenaŭ sciis kion manĝi. Foje post pluvegado dum multaj tagoj, la kuiristino inventis pladon de sojfaba kazeo fritita kun sojfaba lakto. He! Ne estis televidilo en ĉambroj escepte unu en la manĝoĉambro. Sed la signaloj malofte atingis ĝin. Simile la komputila reto konstante paneis. Feliĉe estis multaj legindaj libroj en la biblioteko. Dum libertempo mi legis plurajn bonajn librojn. Kompreneble estis multaj moskitoj sur la monto. Mi estis pikita pli da fojoj dum la tri monatoj en Norda Tajlando ol dum mia tuta vivo en Tajvano. La pikitaj lokoj jukadis, kaj gratado ne povis ĉesigi la jukon kaj endormigi min.

這裡的居民大多是住茅草屋或木板屋，當然環境好的住水泥屋的也有。有些房子蓋的很漂亮，還圍了柵欄養豬、養雞，像個小農莊一樣。我跟一年級的導師去村子走了幾次，看看學生的家。他們習慣把鞋留在屋外，屋裡就是一大張蓆子，在蓆子上吃飯、看電視、睡覺。他們沒有什麼桌子、椅子、或其他傢俱，不過電視倒是幾乎家家都有。二年級以上的學生可以用中文聊個幾句。單親家庭不少，很多學生很獨立。父母在外地工作，按月託朋友送生活費，孩子自己一人獨居，打點一切；或是親戚五、六個大小孩子住一塊，大的照顧小的；或離開家，借住親戚家的，這種情形比比皆是。

La plej multaj montanoj vivas en pajlaj aŭ lignaj kabanoj. Nur kelkaj riĉuloj vivas en betonaj domoj. Iuj domoj estis belaj kiel paŝtistaj bienetoj, kun palisaroj ĉirkaŭantaj porkejojn kaj kokejojn. Mi kelkfoje

iris kun la instruisto de la unua lernjaro viziti la vilaĝon. Ĉe la domo de lernanto ĉiu lasis siajn ŝuojn ekstere de la ĉambro, kaj en la ĉambro estis granda pajla mato, sur kiu la familianoj manĝis, spektis televidon kaj dormis. Tie mankas tabloj, seĝoj kaj ĉiaj mebloj krom la televidilo, kiun ĉiu familio havas. La lernantoj de la dua kaj pli altaj lernjaroj povis pli-malpli paroli ĉine kun ni. Multaj familioj estis solgepatraj. Ies ambaŭ gepatroj laboras aliloke, kaj sendas monon al la infano ĉiun monaton. Tiaj lernantoj aŭ solaj sendependeme vivas, aŭ kelkaj vivas kune, kaj la pli aĝaj zorgas pri la malpli aĝaj. Kelkaj vivas kun parencoj.

九月十八日星期六是我最後一天在泰北上課。早上週會學生如往例唱國歌、朗讀，還有師長說話。我站在司令台旁邊看看學生、看看那片山、看看所有的一切,心情複雜又難捨。回想這三個月的生活，好像做了一場夢似的。如此美麗的大自然，如此養身的食物，如此純樸可愛又頑皮的學生，如此單純寧靜的生活，真是很棒的一場經歷。感恩一切，讓我有這段美好的回憶。

Mia lasta leciono en Norda Tajlando estis donita je la 18a de Septembro. Dum la matena alkunigo laŭkutime la lernantoj kantis la nacian himnon kaj la instruisto parolis sur podio al la lernantoj. Tiam mi staris flanke, rigardante la lernantojn, la monton, kaj ĉion alian. Mia sento estis konfuzita. La lastaj tri monatoj pasis kiel en sonĝo, kun bela naturo, vivosubtenaj nutraĵoj, simplaj, amindaj kaj petolemaj lernantoj kaj simpla trankvila vivo. Mi dankas ĉion kaj ĉiujn, kiuj donis al mi tian bonegan sperton, kiu por ĉiam donos al mi belegan memoron.

## Irana nova jaro kaj Esperanto en Tajpeo
## 伊朗新年與世界語在台北

***Reza Kheirkhah*** 薛瑞察

台灣電影導演薛常慧在台北籌劃伊朗新年慶典和世界語展，三位來自日本的世界語者參與盛會，並帶來精彩的演講。以下是瑞察的報告。

Kiel vi scias (aŭ eble ankoraŭ ne) ĉi-jare UN-rezolucio agnoskis Iranan Novan Jaron kiel internacian celebradon kaj sekve ĝi diskoniĝis tre rapide tra la mondo.

Irana nova jaro ĉiujare komenciĝas en la unua tago de printempo, la 21a de Marto, kaj daŭras ĉirkaŭ du semajnojn.

Por celebri tiun okazaĵon kaj samtempe uzi la okazon por informi la publikon pri Esperanto, s-ino Hsueh Chang-hui, profesia reĝisoro de dokumentaj filmoj, decidis inviti min kaj tri japanajn gastojn, kiuj hazarde estis en Tajvano por ekskurso kaj renkonto kun lokaj E-istoj.




Dimanĉe la 21an de Marto en Hong-Fondaĵo por Edukado kaj Kulturo en Tajpeo (fama pro organizado de kulturaj eventoj) okazis la aranĝo, en kiu partoprenis entute 22 personoj. Krom tri japanaj gastoj: ges-roj Osioka kaj s-ro Kurita, partoprenis ankaŭ Prof. Cho Chao-ming (Abengo), s-ro Zhong Qiyao (iama redaktoro de Tajvana E-gazeto), kaj s-ro Lajz Huang, juna esperantisto kiu loĝas en Taichung kaj nun studas en universitato en Ĉinio. Tiuj tri laŭvice interpretis la prelegojn de la tri japanoj kaj Reza kaj ankaŭ la demandojn kaj parolojn de aliaj gastoj. Ankaŭ partoprenis prof. Wang Ju-kwei, tre aktiva tradukisto de literaturaj rakontoj ĉinaj al Esperanto.

Krom la evento, oni dum unu semajno ekspoziciis materialojn pri Esperanto, Irano kaj Hirosima.

S-ino Hsueh, la organizanto de la evento esprimas intereson pri Esperanto kaj diras ke iam ŝi volas lerni ĝin kaj ankaŭ fari dokumentan filmon pri la internacia lingvo. Menciindas, ke la subtitoloj de ŝia lasta dokumenta filmo E.SHA Epoko, pri fama kaj populara iama tajvana danc- kaj kant-trupo estas tradukitaj al Esperanto far Prof. Wang. Do baldaŭ la filmo aperos kiel DVD en Esperanto, ĉina, angla kaj japana lingvoj. La japanan tradukon faras nova japana lernanto de Esperanto.

# Esperanto en ekzameno de angla lingvo
## 世界語在英語考試中

***Wu Guojiang*** 吴国江

La 19-an de junio 2010 okazis la tutlanda universitata ekzameno de angla lingvo (la plej alta nivelo 6) en Ĉinio. Ĝia aŭdado koncernis Esperanton. Mallonga teksto voĉlegita de du ne-ĉinoj (unu viro kaj unu virino) prezentis kreinton, evoluon kaj rolon de Esperanto, influon de Ĉinio al Esperanto kaj originon de la Esperantolingvaj vortoj. Aŭskultinte la tekston ekzamenitoj faris respondojn al tri demandoj: 1. Kion la parolantoj diras al ni pri Esperanto? 2. Kio estas dirata pri la internacia movado por akceli uzadon de Esperanto? 3. Kion la parolantoj diras pri Esperanto en Ĉinio? La teksto, levitaj demandoj kaj resta tempo por respondo de la ekzamenitoj entute daŭris 3 minutojn.

2010年6月19日在中國舉行全國高校英語六級考試。聽力部分涉及到了世界語。兩名外國人朗讀的短文中介紹了世界語的創始人、發展和作用，中國對世界語的影響和世界語單詞來源。聽完短文應試者要回答三個問題：1、關於世界語講話者對我們談了什麼？2、關於促進世界語國際運動文中談了些什麼？3、講話者對中國世界語談了什麼？短文、提問、應試者回答的時間總共是3分鐘。

Kelkaj studentoj en Liaoning Universitato, kiuj elektis Esperanton kaj Evoluan Historion de Esperanto kiel nedevigajn studobjektojn, partoprenis la ekzamenon. Poste unu studentino tuj diris tion al la Esperanto-instruistino Jiao Xi-yang. Ŝi ĝoje diris: „Dank' al partopreno en la Esperanto-kurso de la universitato, tamen estas facile por mi respondi tiujn tri demandojn kvankam mi ne povas kompreni kelkajn vortojn de la teksto.“

遼寧大學幾位選擇世界語選修課和世界語發展史選修課的學生參加了這次考試。考完試後一位女生立即把這件事告訴了世界語教師焦夕洋。她高興地說：「雖然我沒有聽懂文中幾個單詞，但由於參加了學校世界語課程，我很容易地回答了那三個問題。」

Mi ne scias ĉu la sama sperto okazis en aliaj universitatoj kiuj enkondukas Esperanton, sed certe oni klare konscias valoron kaj rolon de la Esperanto-ekzisto, kaj per diversaj metodoj aktive disvastigas ĝin.

我不知道在其它引入世界語課程的大學是否也發生了這樣的事，但是可以肯定，人們清楚地意識到世界語存在的價值和作用，並用各種方法積極宣傳。

# La patro de la eŭro estas esperantisto
「歐元」源自於世界語者

*el revuo Esperanto/Vikipedio*

**Ne multe konata estas la fakto, ke la elpensinto de la vorto „eŭro“, la nomo de la ĉefa monunuo de Eŭropa Unio, estas la belga esperantisto Germain Pirlot, instruisto en mezgrada lernejo en Ostendo.**

En sia letero de la 4-a de aŭgusto 1995 Pirlot proponis al la Prezidanto de la Eŭropa Komisiono Jacques Santer doni la nomon „euro“ (eŭro) al la nova eŭropa mono. En sia letero de la 18-a de septembro 1995 Santer dankis s-ron Pirlot pro tiu sugesto (ref. SG/95/D/86446) kaj la nomo „eŭro“ estis oficiale akceptita en la Eŭropa Ĉefkunveno en decembro 1995 en Madrido.




Pirlot dum multaj jaroj kolektis kaj regule publikigis informojn pri simpati-esprimoj de politikistoj pri Esperanto. Li ankaŭ organizis varbadon por Esperanto ĉe anoj de la Eŭropa Parlamento. Inter 1980 kaj 1987 li estis kronikisto pri Esperanto por la belga ĵurnalo La Dernière Heure (La Lasta Horo). De 1977 ĝis 1992 Pirlot kolektis kaj publikigis informojn pri oficialaj Esperanto-kursoj ĉe universitatoj. En 2002 li reaktivigis tiun servon. Pirlot estas ano de AIS de ties fondo en 1983. Li fondis premion, kiu subtenas sciencajn verkojn en Esperanto.

La eŭro estis enkondukita la 1-an de januaro 1999 kiel oficiala monunuo de la tiamaj 11 „eŭro-landoj“ (poste 12, ĉar Grekio aldoniĝis en 2000): de tiam ĝis 2002 oni povis pagi en eŭroj nur per bankkarto aŭ bankĉeko. La eŭro fariĝis mantuŝebla nur ekde la 1-a de januaro 2002, kiam aperis la biletoj kaj moneroj.

La eŭro (EUR, €) estas la ĉefa monunuo de Eŭropa Unio: ĝi estas la sola valuto de Aŭstrio, Belgio, Finnlando, Francio, Germanio, Grekio,

Hispanio, Irlando, Italio, Kipro, Luksemburgio, Malto, Nederlando, Portugalio, Slovakio kaj Slovenio, el kiuj konsistas EMU (Eŭropa Mona Unio). Tiun ĉi lando-grupon oni nomas Eŭrozono, Eŭrogrupo aŭ eĉ Eŭrolando.




La eŭro ankaŭ estas la ĉefa valuto de iuj nacioj kaj nacieroj ekster Eŭropa Unio: Andoro, Monako, San-Marino, Vatikano, Montenegro, Kosovo (en Serbio) kaj britaj militbazoj Akrotiri kaj Dekelia sur Kipro.

Al la eŭro apartenas ok moneroj: de 1, 2, 5, 10, 20 kaj 50 cendoj, 1 kaj 2 eŭroj; kaj sep biletoj: de 5, 10, 20, 50, 100, 200 kaj 500 eŭroj.

Sur la biletoj estas bildoj pri fikciaj pontoj kaj pordegoj laŭ sep diversaj arkitekturaj stiloj. Ĉiu monero havas 19 diversajn bildojn dorsflanke. Ĉiu lando rajtis elekti desegnojn por la dorsa flanko de siaj eŭro-moneroj.

La eŭro do havas ion komunan kun Esperanto: la nomon donis al ĝi esperantisto. Tamen estas unu grava diferenco: dum la eŭro malaperigis la antaŭajn valutojn, Esperanto respektas ĉiujn lingvojn kaj ebligas interkulturajn kontaktojn en plena neŭtraleco kaj demokratio.

## 中年人的寂寞
## Soleco de Mezaĝulo

***Xia Mian-zun*** 夏丏尊
***elĉinigis Wang Ju-kwei*** 王九逵

我已是一個中年的人。一到中年,就有許多不愉快的現象，眼睛昏花了，記憶力減退了，頭髮開始禿脫而且變白了，意興，體力，什麼都不如年輕的時候，常不禁會感覺到難以名言的寂寞的情味。尤其覺得難堪的是知友逐漸減少和疏遠，缺乏交際上的溫暖的慰藉。

Mi jam estas mezaĝulo. Je meza aĝo mi ĉagreniĝas pro malboniĝintaj vido kaj memoro. Mia hararo maldensiĝis kaj griziĝis, kaj mi trovas min ne plu tiel mense kaj korpe taŭga kiel dum juneco. Mi ofte suferas de sento de nenomebla soleco. Plej netolereblaj estis la iompostiomaj

malpliiĝo kaj malproksimiĝo de malnovaj intimaj amikoj, tiel, ke la varma konsolo de socia rilato malkreskis.

不消說，相識的人數是隨了年齡增加的，一個人年齡越大，走過的地方當過的職務越多，相識的人理該越增加了。可是相識的人並不就是朋友。我們和許多人相識，或是因爲事務關係，或是因了偶然的機緣——如在別人請客的時候同席吃過飯之類。見面時點頭或握手，有事時走訪或通信，口頭上彼此也稱爲「朋友」，筆頭上有時或稱「仁兄」，諸如此類，其實只是一種社交上的客套，和「頓首」「百拜」同是儀式的虛僞。這種交際可以說是社交，和真正的友誼相差似乎很遠。

Senbezone diri, la nombro de konatoj pliiĝas kun onia aĝo. Ju pli oni pliaĝiĝas, ju pli larĝe oni vojaĝas, kaj ju pli da labora sperto oni akiras, des pli konatoj devas amasi. Sed konatoj ne necese estas amikoj. Ĉu pro entrepreno, ĉu pro hazardo, ekzemple ĉeesto samtabla en ies festeno, ni konadas multajn homojn. Kun tiaj konatoj ni povas manpremi aŭ kapsaluti kaj vokas ilin „amikoj“ kiam ni refoje renkontas ilin, kaj en leteroj al ili ni skribas „Kara amiko“, sed ĉio ĉi estas nur formalaĵo, malproksime de vera amikeco.

真正的朋友，恐怕要算「總角之交」或「竹馬之交」了。在小學和中學的時代容易結成真實的友誼，那時彼此尙不感到生活的壓迫，入世未深，打算計較的念頭也少，朋友結成全由於志趣相近或性情適合，差不多可以說是「無所爲」的，性質比較地純粹。二十歲以後結成的友誼，大概已不免攙有各種各樣的顏色分子在內；至於三十歲四十歲以後的朋友中間，顏色分子愈多，友誼的真實成分也就不免因而愈少了。這並不一定是「人心不古」，實可以說是人生的悲劇。人到了成年以後，彼此都有生活的重擔須負，入世既深，顧忌的方面也自然加多起來，在交際上不許你不計較，不許你不打算，結果彼此都「鉤心鬥角」，像七巧板似地只選定了某一方面和對方去接合。這樣的接合當然是很不堅固的，尤其是現代這樣什麼都 到了尖銳化的時代。

Vera amikeco inter personoj ofte estis kultivata dum junaĝaj senkulpaj ludoj en lernejoj, kiam ili ankoraŭ ne sentis la premon de vivo, ne estis socie malpurigitaj per nedeziritaj koloroj kaj malmulte kontas siajn profitojn. Tia amikeco establiĝis sur la fundo de similaj interesoj aŭ konkordantaj trajtoj, kaj preskaŭ estis sencela. Tia amikeco estas pura. Amikeco post dudekjara aĝo enhavis pli-malpli elementojn de diversaj koloroj. Post tri-kvardek jaroj nedeziritaj koloroj pliiĝis kaj veraj elementoj de amikeco malpliiĝis. Kvankam tio ne necese estas pro la degradado de socio, tamen estas nepre la tragedio de la vivo. Post adoltiĝo ĉiu estas peze ŝarĝita de vivaj bezonaĵoj. Ju pli oni eniris en

socion, des pli estas skrupuloj, kaj la sociaj spertoj devigis onin agi por sia profito. Kiel rezulto, ĉiu ludis ruzojn, kaj la socio similas al mallerte segita kunmet-enigmo, en kiu ĉiu peco penas ligiĝi al aliaj pecoj en iu direkto. Kompreneble tia ligo ne estas firma, speciale en la nuntempa epoko, en kiu ĉio akriĝas.

在我自己的交友中，最值得繫念的老是一些少年時代以來的朋友。這些朋友本來數目就不多，有些住在遠地，連相會的機會也不可多得。他們有的年齡大過了我，有的小我幾歲，都是中年以上的人了，平日各人所走的方向不同，思想趣味境遇也都不免互異，大家晤談起來，也常會遇到說不出的隔膜的情形。如大家話舊，舊事是彼此共喻的，而且大半都是少年時代的事，「舊遊如夢」，把夢也似的過去的少年時代重提，因談話的進行，同時會聯想起許多當時的事情，許多當時的的面影，這時好像自己仍回歸到少年時代去了。我常在這種時候感到一種快樂，同時也感到一種傷感，那情形好比老婦人突然在抽屜裡或箱子裡發見了她盛年時的影片。

Inter miaj amikoj mi plej sopiras kelkajn, kiujn mi amikigis dum juneco. Ili estas malmultaj, kaj dise loĝas. Tial la ŝanco de renkonto estas malgranda. Inter ili iuj estas pli aĝaj ol mi, kaj iuj estas pli junaj. Ĉiu estas mezaĝa aŭ pli ol mezaĝa. Ĉar ni iras laŭ diversaj vojoj de vivo, niaj interesoj kaj cirkonstancoj estas malsamaj. Kun tia fremdeco la temo de kunparolo devas esti pri la okazaĵoj dum pasintaj jaroj, speciale dum la jaroj de juneco, kiuj estis komunaj al ni. Tia temo retiras nin al la junaĝo kaj revigas nin je multaj tiamaj aferoj kaj tiamaj vizaĝoj. Dum tia renkonto, mi ĉiam sentas samtempe ĝojon kaj malĝojon, en la sama etoso, kiel maljunulino kiu trovis sian belan malnovan foton en tirkesto aŭ valizo.

逢到和舊友談話，就不知不覺地把話題轉到舊事上去，這是我的習慣。我在這上面無意識地會感到一種溫暖的慰藉。可是這些朋友一年比一年減少了，本來只是屈指可數的幾個，少去一個是無法彌補的。我每當聽到一個舊友死去的消息，總要惆悵多時。

La malnovaj amikoj, kun kiuj mi povas per kunparolo pri juneco trovi teneran konsolon, de jaro al jaro malpliiĝis. Ĉar originale ili ne estis multaj, la funebro de iu inter ili signifas mian porĉiaman perdon, kaj kaŭzas mian longtempan melankolion..

學校教育給我們的好處不但只是灌輸知識，最大的好處恐怕還在給與我們求友的機會上。這好處我到了離學校以後才知道，這幾年來更確切地體會到，深悔當時毫不自

覺，馬馬虎虎地過去了。近來日早晚在路上見到兩兩三三的攜著書包、攜了手或挽了肩膀走著的青年學生，我總豔羡他們有朋友之樂，暗暗地在心中替他們祝福。

Lerneja eduko donas al ni scion, sed, pli grave, la ŝancon trovi amikojn. La duan meriton mi lernis nur post kiam mi forlasis la lernejojn. En la lastaj kelkaj jaroj mi profunde bedaŭras, ke mi tiam facile forglitigis tiun ŝancon. Nun kiam mi vidas junajn lernantojn, kiuj, portante tornistrojn, duope aŭ triope kune iras sur strato, mi ĉiam envias ilin pro tio, ke ili ankoraŭ ĝuas amikecon. Kompreneble mi ankaŭ kaŝe benas ilin en koro.

Fonto de la ĉina teksto: 張堂錡編著： 夏丏尊，台北三民書局，2006，101～105 頁。

# 某夜
# Iun Nokton

***Lin Chung-lung*** 林鍾隆
***elĉinigis Wang Ju-kwei*** 王九逵

叔叔有一次上城辦貨，半夜還未回來。下午一時許就出發，到城裡的不過十把公里，來回兩次，也用不着那麼多時間。因此使嬸嬸有點疑慮不安。這也難怪，因爲叔叔人很英俊，身上又有幾個錢，城裡姑娘誰個不傾慕？

Foje onklo iris urbon por aĉeti varojn. Li ne revenis je noktmezo. Li eliris je la unua posttagmeze, kaj la distanco al la urbo estis proksimume dek kilometroj. Li povus dufoje iri kaj reveni dum tiom da tempo. Tial boonklino maltrankviliĝis. Onklo estis bela kaj portis monon kun si. Ĉiu fraŭlino en la urbo povus enamiĝi al li. Ne estis mirinde ke boonklino maltrankviliĝis.

我從睡夢裡被推醒，猛張眼一看，嬸嬸坐在床前。「什麼事？」我驚惶地問她。「起來！」她說。「陪我去接你叔叔！」我看看壁上的鐘已十時又半。幹麼那麼晚不回來？我頗不高興。「我去吧！你看家。」我說?跳下床來，套上了外衣。「不！我不要你一個人去！我要親自去一趟。」

Ŝove vekita de boonklino el sonĝo, mi malfermis la okulojn kaj vidis ŝin sidi antaŭ la lito. „Kio okazis?“ mi demandis. „Ellitiĝu!“ ŝi diris. „Iru kun mi por renkonti vian onklon.“ La murhorloĝo montris la dekan kaj duonon. Kial li ne revenis tiel malfrue? Mi iom malĝojiĝis. „Mi iru kaj vi

restu hejme.“ Tiel dirante, mi saltis el la lito, kaj vestis min per palto. „Ne! Mi ne volas vin sole iri. Mi mem iru persone.“

於是我們把門鎖了，提着火把踏上往城裡去的公路。路上靜得可怕。天上沒有星星。嬸嬸邊走着邊問我。她還沒嫁過來以前，叔叔是否愛喝酒、晚回家、在外留宿過沒有。我認爲叔叔向來是個規矩人，不隨便玩樂

Do ni ŝlosis la pordon, kaj iris sur la ŝoseo al la urbo kun lanterno en mano. La vojo sub senstela ĉielo estis terure kvieta. Kiam ni iris, boonklino demandis al mi, ĉu antaŭ la geedziĝo onklo kutimis drinki kaj resti ĝis malfrue aŭ tranokti ekstere. Mi opiniis, ke onklo estis deca viro, kiu apenaŭ laŭplaĉe diboĉis.

約莫走了一公里許，我們看到路旁不遠處，一家燈火高燃，直刺入我們的眼瞳。

Post ol ni iris proksimume kilometron, apud la vojo estis domo kun blindiga lampobrilo.

「那不是櫻子的家嗎？」嬸嬸指着說。櫻子是本地一個漂亮的賣春女。經常兩天或三天便到店裡來一次，買點東西回去。碰到叔叔掌店，她便要坐下來談上半天才離去。

„Ĉu tie ne estas la domo de Ĉerizo?“ boonklino fingre montris ĝin. Ĉerizo estis ĉi-tiea bela prostituitino, kiu vizitis nian butikon je ĉiu dua aŭ tria tago por aĉeti ion. Kiam ajn onklo deĵoris zorgi la butikon, ŝi kutime sidis kaj babilis kun li por iom da tempo.

「是的！」我說。

„Jes,“ mi respondis.

「你去探探看好嗎？」

„Ĉu vi povus iri kontroli?“

「叔叔不會到那兒去吧？」我想他不至這麼輕薄。

„Onklo ne iras tien.“ Mi kredis, ke li ne povas esti tiel frivola.

「誰敢保證呢？出了門的男人！」嬸嬸稍稍提高嗓子說。「你去！」

„Viro ekster hejmo ne ĉiam estas fidinda!“ Boonklino iomete laŭtigis sian voĉon: „Iru!“

我本想直撞去敲門問一聲。但想到叔叔若真的在，她家裡人也許要撒謊瞞過我；若是叔叔壓根兒就沒來過，突然一問，明天傳了出去，成了人家的話柄還算事小

嗎?叔叔名譽人格的損失可就大了。所以我只站在十碼遠的地方，由窗口往屋內望了一望。我相信裡面必定有人的，可是並沒望見什麼。於是我回說只有一個陌生的人坐在那裡，不是叔叔。

Mi unue planis rekte frapi la pordon kaj demandi, sed poste pensis, ke se onklo ĉeestus, ili povus mensoge nei, kaj se li ne ĉeestus, mia demando morgaŭ fariĝus ies mokaĵo, kaj pli danĝere, ĝi povus makuli la reputacion de onklo. Do mi staris dek metrojn de la domo gvati ĝin tra la fenestro. Mi kredis, ke iu devas esti en la domo, sed mi vidis neniun. Mi mensoge raportis al boonklino, ke ene estis nur unu fremdulo, kiu ne estis onklo.

我們又再往前趕。突然我有點不安起來。若叔叔果真在那裡，我們碰不到他，他卻逕自回家去了，那怎麼是好？我的謊言不就要露馬腳了嗎？若因此被嬸嬸誤會，以爲我與叔叔串通欺瞞她，那就太冤枉了。

Ni denove antaŭen iris. Subite mi maltrankviliĝis: Se onklo efektive ĉeestus en tiu brila domo, kaj ni ne renkontus lin kiam li revenus hejmen, kion mi farus? Mia mensogo malkovriĝus! Se tial boonklino pensus, ke onklo kaj mi kune trompas ŝin, mi estus miskulpigota de boonklino.

我壓抑心頭的疑懼，硬着頭皮往前趕。不一會兒，竟和叔叔遇上了。

Mi subpremis mian timon kaj devigis min antaŭeniri. Postmomente ni renkontis onklon.

「你來做什麼？」叔叔驚訝地問。

„Kial vi venis?“ Onklo mire demandis.

「我來接你。」嬸嬸笑着說。「那麼晚一個人，多令人擔心！」

„Mi bonvenigas vin.“ Boonklino ridete diris. „Via sola promenado dum nokto maltrankviligis min!“

「妳真好！」叔叔高興地笑?。「以後不必來接我，我一個人敢走，沒什麼的。」

„Kiel bonkora!“ Onklo gaje ridis. „Poste ne venu renkonti min. Mi kuraĝas promeni sola. Tio ne gravas.“

「可是天黑下來，看到你還不回來，便叫人擔心呀。」嬸嬸說。

„Sed mi nepre maltrankviliĝus se vi ne revenus post noktiĝo.“ Boonklino diris.

「以後一定早一些回家，不再勞妳跑腿了。」叔叔說。「今天因爲爲妳買一件夏天的料子，找了很多地方，找不到合適的，幾乎把所有的布店都找了遍，才買下了這塊。到家再給妳看看，妳一定會喜歡的」

„Mi promesu, ke mi frue revenos, tiel vi ne bezonos eliri.“ Onklo diris. „Hodiaŭ mi volis aĉeti pecon da ŝtofo por via somera vestaĵo. Mi malfacile trovis la taŭgan tra la urbo. Finfine mi trovis ĉi tiun pecon. Mi montros ĝin al vi kiam ni atingos hejmon. Vi certe ŝatos ĝin.“

我們三人一起走回家去。叔叔和嬸嬸似乎都很快樂，我也十分高興，我剛才撒的謊，幸而不致露馬腳了。

Ni triope revenis hejmen. Onklo kaj boonklino estis ĝojaj. Mi ankaŭ, ĉar feliĉe mia mensogo ne malkovriĝis.

Unue aperis en la felietono de Xinsheng Ĵurnalo je 12 aprilo 1956.

## Vorto de la tago — www.lernu.net

**SUSPEKTI** **懷疑**

1. Sen pruvo certa inklini akuzi pri io: 無明証而指控:
   **Mi suspektas vin pri ŝtelo!** 我懷疑你偷東西!
2. Akcepti la eblecon aŭ probablecon de io malbona: 認爲某件壞事是有可能的:
   **Mi trovas suspekta la aŭtentikecon de tiu dokumento.** 我發覺那個檔案的真實性可疑
3. Duonkredi laŭ ŝajnoj, imagi sen granda certeco: 依跡像半信，在不確定下想像:
   **Ŝi suspektis, ke li volis ŝin trompi.** 她懷疑他是要欺騙她

## Reago de leganto el Japanio

Mi bonorde ricevis Formozan Folion 12. Kiel belega kaj alloga la kovrilo estas! Gratulon ke vi sukcese uzis la signon de Google. La artikoloj estas tre interesaj, mi ĝoje legis ilin. La plej bona estas *Horloĝo de patrino*. Tre impresa rakonto, ĉu ne?

Murata Kazuyo, Yokohama

## La amo estu ĉiam gaja
**愛情應是樂無涯**

***Julio Baghy***
***tradukis Wang Ju-kwei*** 王九逵

La amo estu ĉiam gaja,
printempe suna, flore maja,
sincera en la sentdonaco
sen postaj pento kaj minaco...

La amo estu sonĝo, revo,
petolaj dono kaj ricevo,
psalmado pia, kora ludo
sen postaj piko kaj aludo...

La amo estu plenpasia,
sencela eĉ kaj senkonscia;
la amo ardu por la amo
sen posta moko pri la flamo...

Ĉar amo vera kaj feliĉa
en sentoj estas senkondiĉa;
ne pensas ĝi, neniam veas,
en ridoj vivas kaj pereas...

愛情應是樂無涯
春日陽光五月花
誠懇心靈交贈與
絕無脅迫鮮哀嗟

愛情須共夢魂遊
調笑中尋授與收
口誦聖詩心自戲
日後何曾有怨尤

愛情豈可不多情
不忮不求情自生
烈焰中燃純爲愛
他年切莫笑忠誠

何曾真愛論前提
福泰安康此處棲
無慮無憂長倩笑
笑享生年笑歸西

# Kurso de Esperanto en Pingrong
## 世界語在屏榮高中

***Reza Kheirkhah*** 薛瑞察

Ankaŭ en la pasinta eduka jaro ni havis Esperanto-kurson kadre de la eksterkursa lecionaro kaj finis ĝin 10 studentoj. En la fina ceremonio kiel kutime la lernejestro venis por disdono de la atestoj. Li tiam informis, ke en la lasta kunveno de mezaltlernejestroj de Tajvano, dum kiu ĉiu devis prezenti pri io speciala en sia lernejo, li prezentis Esperanton kun unupaĝa raporto pri ĝia historio dum ok jaroj kaj kontakto de lernantoj kun aliaj landoj.

去年，屏榮高中世界語社團有10位同學完成初級課程。蔡文賢校長一如往常於學程結束時親自頒發結業證書。當時，他告知在全國高中校長會議中，以世界語社團爲本校特色課程，介紹社團八年來的歷史以及社團同學與外國朋友的通信交流。

La lernejo estas la plej granda tia privata lernejo en la sudo de Tajvano kaj pli ol 3000 studentoj studas tie. Ĉiujare kelkaj eksterlandaj Esperantistoj, kiuj vizitas Tajvanon, ankaŭ vizitas la lernejon kaj ili ĉiam estas bonvenigataj kaj gvidataj tra la lernejo.

屏榮高中是台灣南部最大的三所私立學校之一，學生人數逾三千人。每年都有幾位外國世界語者來到台灣，他們也會到學校參觀，總是受到熱烈的歡迎。



S-ro Tsai, la lernejestro de Pingrong kun studentoj kiuj finis la kurson de Esperanto kaj ricevis siajn atestilojn de li persone. Maldekstre ĉefinstruisto Reza kaj asistanto Ingrid (Chuang Yinhua).

屏榮高中蔡文賢校長與完成世界語初級課程的學生合影。相片左方為瑞察老師和莊迎華助教。

*Hsueh Chang-hui* 薛常慧

## 歌舞劇誰說只有紅磨坊？

## 《藝霞年代》再現台灣歌舞傳奇

「藝霞歌舞劇團」(1959-1985)，以充滿創意與華麗的表演風格，在台灣歌舞劇團史上引領風騷廿四年，不僅風靡台灣，更遠征香港、新加坡、馬來西亞。這樣光輝燦爛的年代，卻因戲院改制，負責人與舞台編導相繼過世，於高峰驟然走入歷史…。

…回顧藝霞風華，本片特別紀錄曲終人散的二十五年後，當年紅極一時的霞女明星與一群年輕學子重建過往舞作過程。在這段新舊世代共同練習、表演之際，將建構出怎樣的「藝霞年代」？

Kiu diras, ke nur Moulin Rouge aŭ Broadway havas muzikalojn? Muzikaloj estis laŭmodaj en Tajvano dum kvindek jaroj kaj montris tiom da ĉarmo kiom tajvana opero en la distra komerco. En la muzika historio de Tajvano, E.SHA Kant- kaj Dancgrupo, konata kiel la Takarazuka Revuo en Tajvano, estis en la spoto dum dudek kvar jaroj pro sia kreiva kaj eleganta stilo. Estante la plej granda muzika teatro kun la plej longa historio, E.SHA ne nur altiris grandan aron da fanoj ĉirkaŭ la insulo, sed ankaŭ vojaĝis al Honkongo, Singapuro kaj Malajzio, kaj gajnis famon en la Oriento. Tio finiĝis en 1984 dum teatroj ekplimalgrandiĝis kaj la direktoro kaj sceneja koregrafo mortis.

Post dudek kvin jaroj, la iam famaj steluloj de E.SHA reproduktis siajn prezentojn kun grupo da junaj studantoj. Dum la maljuna generacio renkontas la junan, kian imagon havas ĉi tiuj junulinoj je aĝo simila al tiu de la E.SHA steluloj antaŭe? Kaj kiel vidas la juna generacio la reaperon de la historio?

La unua tajvana filmo kun Esperanto-subtitoloj. En tiu ĉi filmo estas amaso da kantoj kaj dancoj, kio igas ĝin alloga por ĉiuj aĝoj. Mendu kaj ricevu informojn ĉe Rezamenhof@yahoo.com

**Ĉiuj profitoj de la vendo de la DVD de tiu ĉi filmo estos uzataj por la progresigo de la Esperanto-movado en Tajvano.**

# Sumoo – konkurso de Esperanta legado
## 我參加世界語圖書閱讀相撲

***Abengo*** 卓照明

De la 12a ĝis 26a de septembro 2010 okazis la lego-sumoo proponita de s-ro Hori Jasuo. Entute 41 esperantistoj partoprenis en la konkurso. Estis 26 de Japanio, 4 de Francio, po du de Germanio, Ĉinio, Pollando kaj po 1 de Serbio, Irano, Mongolio, Tajvano en la konkursolisto.

Mia celo en la konkurso estis tralegi la Esperantan libron *Aventuroj de Pioniro* de Edmond Privat kaj raporti ĉiutage la progreson al la yahoo-grupo de tajvanaj esperantistoj en Esperanto kaj la ĉina lingvo.

Mi laŭ plano daŭrigis legi la libron kaj raportis mian tagan progreson al la sumozorganto kaj metis la dulingvajn raportojn en la blogon de tajvanaj esperantistoj ĉe yahoo.

Mi ne montras la raportojn ĉi tie. Bonvolu legi ilin rete ĉe http://groups.yahoo.com/group/Tajvano/

2010年9月12日至9月26日，日本世界語前輩 Hori Jasuo 主辦世界語閱讀相撲，四十一名參賽者來自於日本、德國、中國、法國、波蘭、伊朗、蒙古、台灣等地的，我是唯一來自台灣的參賽者。

我的參賽目標是把 Edmond Privat 著作的世界語圖書：<<先驅者的奇遇>>在十五天之內看完，把每天的閱讀進度和心得寄給主辦者和以網路放在台灣世界語者的討論部落格裏。

進入台灣世界語論壇閱讀(http://groups.yahoo.com/group/Tajvano/ )，可閱讀我撰寫的進度和心得。

Sumoo estas japana tradicia lukto. Ĉiun jaron okazas 6 turneoj. Unu turneo daŭras 15 tagojn. En septembro, ekde la 12a ĝis la 26a, okazis Septembra Sumoo-turneo. Okaze de tiu turneo S-ro Hori Yasuo el Japanio proponis ke oni partoprenu en Esperanto-Sumoo per elekto de unu libro, kiun ĉiutage la partoprenanto legu kaj raportu pri tiu parto al aliaj. Tiel oni estas instigita legi unu libron laŭeble ene de unu tempo-kadro…

# La lastaj vortoj

***Sabine Hauge***

Ĉi artikoleto estas prenita el *Rerigardo 2009*. La *Rerigardo* estas bulteno de la Nurenberga Esperanto-Grupo kaj aperas unufoje jare, kutime en printempo okaze de nia jarĉefkunveno. Ĝi raportas pri pasintjaraj aktivecoj de la grupo kaj ĝiaj membroj en Esperantio kaj pri okazaĵoj kun rilato al Esperanto en nia regiono.

**Provlegado**

Jen afero, kio multe okupas min, simple ĉar ĝi estas sufiĉe tempopostula. Tamen, kion rakonti prie? Mi plue okupiĝas pri germana *Esperanto aktuell* (nur la E-a parto), ĉeĥa *Starto*, *Monda Solidareco* el Francio kaj ĉefe pri tre fora *Formoza Folio,* kiu pro manko de kunlaborantoj nuntempe aperas nur unufoje jare. Ĉi-foje Pit faris la enpaĝigadon kaj ni sukcesis produkti sufiĉe beletan numeron, kiu krome „laŭ enhavo superas sin mem“, kiel skribis Renato Corsetti. Nu…!

FORMOZA FOLIO
台灣世界語報

n-ro 12, Decembro 2009




Omaĝo de Google al d-ro Zamenhof kaj Esperanto

Google 向柴門霍夫和世界語致敬

## Vorto de la tago

www.lernu.net

**PENI** 盡力

Streĉi la korpajn aŭ mensajn fortojn, por atingi rezulton:

盡體力或智力，以達結果

**Mia laboro estas peniga (postulanta penon).**

我的工作很耗力 (需要費力氣)。

**Kion vi pripenas, tio al vi venas.** 盡力而爲，必有所成。

# Anoncoj

## 2011 年 UEA 會費表 (UEA membreco por 2011)

| | | |
|---|---|---|
| 1 MG: | 會員含世界語運動指引 | 6 EUR = **260 NT** |
| 2 MJ(-J): | 會員含年度手冊 (未滿 29 歲者 [含] 成爲 TEJO 會員不另加收費用並贈送 Kontakto 雜誌) | 16 EUR = **700 NT** |
| 3 MA(-T): | 會員訂閱者：如 MJ(-T) 加上 Esperanto 會刊 | 41 EUR = **1800 NT** |
| 4 MA: | 獲得年度手冊及 Esperanto 會刊 (未滿 29 歲者 [含] 並贈送 Kontakto 雜誌) | 41 EUR = **1800 NT** |

## Beletra Almanako 2011

BA-Jarabono 2011 (3 numeroj: BA10, BA11, BA12) **1300 NT**
Ĉiu numero enhavos inter 140 kaj 176 paĝoj.
BA10 aperos proks. en Februaro/Marto,
BA11 proks. en Junio/Julio kaj
BA12 proks. en Oktobro 2011
http://www.beletraalmanako.com/aboni/index.html

## Juna amiko

Revuo por komencantoj, por unu jaro kaj 3 numeroj **500 NT**

## Formoza Folio

Unu numero **100 NT**
戶名：薛瑞察
存簿帳號: 0071001 1370724
郵局代號：700

Se vi deziras aboni iujn el tiuj gazetoj aŭ membriĝi en UEA bv. pagi la necesan sumon al la poŝtkonto menciita kaj informi min.

Reza

# Kolofono


| | | |
|---|---|---|
| **Adreso:** | Reza Kheirkhah | |
| | 屏東市重慶路 105 號 900-73 Taiwan | |
| | Chung Ching Lu 105,<br>TW 900-73 Pingtung, Tajvano | |
| | Tel: +886-8-7326334, | Fakso: 7320579 |

**Retadreso:** rezamenhof@yahoo.com

| | |
|---|---|
| **Redaktis:** | Reza Kheirkhah |
| **Reviziis:** | Sabine Hauge |
| **Enpaĝigis:** | Pit Hauge |
| **Ĉinaj enkondukoj:** | Chuang Yin-hua (莊迎華) |

| | | |
|---|---|---|
| **Abontarifoj:** | enlanda: | 100 NT por unu numero |
| | eksterlanda: | 3 EUR por unu numero<br>(inkluzivas sendokoston)<br>(uea-konto: mrkk-c) |

# 藝霞年代

## E.SHA Epoko

**Tajvana filmo kun Esperanto-subtitoloj!**



**Mendu kaj ricevu informojn ĉe:**

**Rezamenhof @yahoo.com**

**Ĉiuj profitoj el la vendo de la DVD estos uzataj por progresigi la Esperanto-movadon en Tajvano.**